## Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

Enlandoj:

| | |
|---|---|
| Angla: | Fino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, Bournville, Birmingham. |
| Alĝeria: | Jean Delor, E. P. S. Rampe Valée, Alger. |
| Aŭstra: | Fr. Scheibenreiter, Hermannsgasse 31/26; Wien, VII; Konto P.S.: B 134611 |
| Aŭstralia: | H. M. Lanyon, Harrow St., Box Hill E 11, Melbourne (Victoria). |
| Belga: | H. Rainson, Hombeekschesteenweg 54, Mechelen. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉeĥoslovaka: | A. Valoušek, učitel, Brno-Medlánky; poŝtĉeka konto Brno 102 169. |
| Ĉila: | E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago. |
| Estona: | Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn. |
| Franca: | F. Vérot, rue des Villas, St.-Etienne (Loire). |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857, aŭ poŝtĉekkonto Dresden 263.79, Kurt Hofmann, Riesa. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, Provenza, 99, 1°. 4, a, Barcelona. |
| Hungara: | Bleier Vilmos, Mester-u. 53. V. 7. Budapest, IX. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Stanko Prvanoviĉ, Halovo p. Zaječar. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen, Riga, Slokas iela N. 112 dz. 1. |
| Litova: | Mok, A. Prapuolenis, Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte, Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90 544. |
| Norvega: | Nils Økland, Rommesveit. Stord. |
| Pola: | Agento serĉata. |
| Sveda: | Torsten Torbjär, Mariagatan 15 a, Göteborg. poŝtĝirokonto 431 48 |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo. |
| Urugvaja: | Pedro Casas, San José 1123, Montevideo. |
| U. S. A.-a: | David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor. |

# Abonprezo

**Tutjara abono 1 USA-dol., Duonjara provabono 1/2 dol., Opa numero 1/4 dol.**

La abonprezo estas fiksita en dolaroj nur pro ĝia stabila valoro. Niaj agentoj kompreneble akceptas egalvaloron en nacia mono. Kiu sendas la abonprezon rekte al la administracio, bonvolu uzi plej eble dolarojn.

**Membroj de la Germana asocio** sendu la kotizon al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer", Girokasse Leipzig-Leutzsch, Girokonto 278 57,

**Membroj de la Saksa asocio** al k-o Karl Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 11 63, poŝtĉekkonto: Dresden 156 09.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

11-a jaro. Numero 5
Sept.-Okt. 1932

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm.: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk.: Dresden 26379
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.



## Espero kaj sorto de granda homarano.

### Karlo Kristiano Frideriko Kraŭse (1781—1832).

De D-ro Kurt Riedel, Dresden.

Unu jarcenton viva en tombo estas la plej fidela homarano germana. Forlasite de la mondo oficiala, Karlo Kraŭse mortis la 27-an de septembro 1832 en Munĥeno. Lia vivo estis unika ĉeno de esperoj kaj sortbatoj.

La lulilo de tiu viro staris en Eisenberg-o (apud Altenburg-o). La patrinon li perdis tro frue per morto. Lia patro estis instruisto, poste pastro protestanta. Karlo studadis en Jena-o (1797—1801) teologion, filozofion kaj matematikon. Naturo estas doninta al li multegajn talentojn — escepte ekonomian. Dekokjara li skribis al sia patro: „Ni ambaŭ malegale pensadas pri neceseco kaj plej bona utiligo de mono."

Jam en sia tria vivjarsepo li nutris ideojn pri tutmonda religia libro kaj pri belvesto homeca. La junulo sentis destinata sin al homara misio.

Eke de kvara vivjarsepo li projektis sian tutan sistemon filozofian kaj matematikan. Estas rimarkinde, ke lia unua verko post la doktora traktato estis „Fundamento de natureca juro aŭ filozofia projekto de ideala juro". (Grundriß des Naturrechts 1803.) Precipe en la manuskripto de dua parto jam ĝermis ideo de socia mondligo. En kadro de sia filozofio li kulturis krom jurologio ĉefe matematikon, muzikon kaj lingvosciencon. En la „Plano de logiko historia (induktiva)" (1804) ni trovas la radikojn de lia fruktodona kategoriologio kaj en „Projekto de la sistemo filozofia" (unua parto, 1804) li skizis sian kvarpartan konstruaĵon („veso- [= dio-], naturo-, spi-

rito- kaj homarologio). Kiel Spinoza li volis prezenti filozofion laŭ la matematika metodo.

Komence de sia kvara vivjarsepo la docento edziĝis kun belega junulino. Li ŝategis amon kaj edzecon pli ol ĉio alia. Baldaŭ li estis feliĉa patro. Ankaŭ la ŝuldojn kreskadis. La tuta konduto de Kraŭse ne estis konforma al moroj de profesoroj. La espero, en Jena-o avanci, estis vana. Hegel kaj Fries avantiĝis al rango profesora. Kraŭse serĉis protekton per Schiller (ŝiler), sed — Goethe (gete) ĵus estis vizitanta sian grandan amikon. Sen povi pagi siajn ŝuldojn, li forlasis Jena-on.

Li deziretis, fondi edukejon. Plej forta estis deziro, sin mem pliperfektigi. Tial li volis elekti en Dresdeno, en la urbo de famaj biblioteko kaj muzeoj. Printempe 1805 li venis kun familio Dresdenon, kie li luis apartamenton vidalvide al Japana Palaco. Belvido en la „paradizan valon de Elbo" ravis lin. La espero, ekposedi la oficon de matematikisto ĉe la kadeta instituto estis vana. Li anoncis prelegojn en sia bela loĝejo — kelkaj aŭdantoj venis, unu pagis. Kraŭse devis lui pli malgrandan loĝejon, kvankam lia edzino naskis preskaŭ pojare infanon. Li enspezis malmulton da mono per lecionoj en la inĝeniero-akademio — kaj por unuopuloj. Daŭre li devis deponi havaĵojn en pruntejo. Sen la ĉiama monhelpo de siaj patro kaj fratino li pereus baldaŭ kun dekdu infanoj.

Jam en sia hejmregiono li aniĝis al la framasona loĝio Arĥimedes en Altenburgo. En Dresdeno li aniĝis al la „loĝio al tri glavoj kaj veraj amikoj".

Lia espero al framasonaro fariĝis lia fatalo. La glavoj de la loĝio sortbatis lin ĝis la fino de l' vivo kaj plue.

Tre grave estis lia konantiĝo kun la loĝiuloj Fessler kaj Wolke. Lá lingvisto kaj pedagogo Wolke estis publikiginta pazigrafion (1797) kaj skribis tiam verkon pri plibonigo de la germana lingvo. En tiu tempo (depost 1805) Kraŭse decidis, prilaboradi universalan lingvon skriban kaj buŝan, kaj grandan pravortaron (etimologion) de la germana lingvo kun plibonigaj proponoj de la vortfarado en senco de lingva pureco. (La Saksa Biblioteko en Dresdeno konservas multajn manuskriptojn al tiu neeldonita verkego.)

Lia interrilato kun la fama framasono Fessler reforminta (kun Fichte) la loĝion Royal York en Berlino kaj fondinta „Grandan ligon de prisciantaj framasonoj", direktis lin al la historio framasonara.

Eke de la kvina vivjarsepo li kredis klarvidi la ideon kaj idealon de homarligo. La jaron 1808 li rigardis la unua jaro de nova epoko. Li skribis al sia patro la 17-an de januaro: „Mi laboras pri tio (= ŝtato tutmonda) per tuta animo, kun ĝojo, kiel pri nenia antaŭa verko."

La politikajn cirkonstancojn de la tempo de Napoleon-a triumfo li opiniis bonŝancaj por fondado de mondoŝtato. Volonte li transloĝiĝus Parizon. Aŭdinte pri plano de Fessler, skribi verkon pri mondrego, Kraŭse rapidis por prezenti sian ideon de ŝtato tutmonda. El la intenco, eldoni anonime skribaĵon sub titolo „La mondoŝtato per Napoleono" elkreskis plano al triparta verkego: unua — la idealo de homarligo, due — evoluo de l' mondo ĝis Napoleono, trie — realigo de mondoŝtato. Novembre 1808 li sendis al sia patro kelkajn presfoliarojn (1—11) de la verko. La milita situacio interrompis la pluan preson. Li decidiĝis, fini la unuan parton kaj publiki sub la titolo „La Idealo de la homaro kiel de socia tuto". (Dresdeno 1811.) Tiu ĉefa libro estis dediĉata unuaeldone al la framasonaro.

En tiu verko nekomparebla Kraŭse unuafoje montris plenan ideon de l' homaro laŭ organismo de societoj. Li bazigas sian instruon de homarvivo sur la roko de l' espero, ke iam ajn la popoloj kaj societoj de la tero estos unu homarligo harmonie unuigita. Li diferencigas ĉiujn unuiĝojn laŭ du principoj:

| 1. naturunuiĝoj je | | 2. celunuiĝoj je | |
|---|---|---|---|
| 11. spaco | 12. amplekso | 21. tutceloj | 22. partceloj |
| 111. landa, | 121. familia, | 211. por moralo, | 221. por scienco, |
| 112. kontinenteta, | 122. amikronda, | 212. justa juro, | 222. por arto, |
| 113. kontinentega, | 123. fra*)-socia, | 213. por religio, | 223. por unuigo de |
| 114. tutmonda, | 124. komunuma, | 214. por belo. | scienco kaj arto. |
| 115. sunsistema, | 125. genta, | | |
| 116. kosma. | 126. nacia, | 23. asocio por pedio (sinformado). | |
| | 127. ligo de nacioj | | |
| | 128. homaro. | | |

Tiu mito de estonteco estas tradukita hispanen per Julia Sanz del Rio, anglen per William Hastie. Sur la sociologio de Kraŭse baziĝis la sveda filozofo Boström.

La dua kaj tria partoj de la supre menciata „triologia“ verkego ne estas eldonitaj. El postlasaĵa „filozofio prihistoria“ ni povas ekkoni, kiamaniere Kraŭse volis prezenti la duan parton**). Rigardante ankaŭ homaron kiel organismon, li diferencigas ĉefperiodojn: infanan, junulan, viran, maljunulan. La unua periodo de vivociklo homara dekuris antaŭhistorian epokon kaj estas komparebla al ĝermado de embrio. — Nun la homaro sur la tero troviĝas en la dua ĉefperiodo, en kiu ĉio kaj ĉiu tendencas izolan memstarecon. Kiel ĉiu ĉefperiodo ankaŭ la dua entenas tri subperiodojn: ekan, mezan, finan. Dum la eka subepoko regadis despotoj, kaj oni kultis plurajn diojn. Dum la meza subepoko regadas klerikularo, kaj oni adoras unu dion. La fina subepoko estas tempo de revolucioj, diversaj celsocietoj liberiĝas de ŝtato kaj eklezio, kaj soluloj ekkonas ideojn, sed ne jam la kosmon de l' ideoj. — En la tria ĉefperiodo estas tempo, dum kiu individuoj kaj asocioj plenmaturiĝos kaj ĉiuj harmonie unuigos sin. Eke de tiu epoko homoj ekkonas, ke homaro ekzistas en, sub kaj per „Veso“ (germane: Wesen = tutestaĵo = dio). Al tiu ekkono Kraŭse levis sin eke de jaro 1808, kaj tial li opiniis tiun jaron unua de tria ĉefperiodo. Dum tiu periodo la homoj realigos la idealon de homaro.

En la finparto de la „trilogia“ verkego Kraŭse volis priskribi detale kaj modele laŭhomarajn organizaĵojn farendajn. Antaŭlaboroj por tia libro homara troviĝas multegnombre en lia postlasaĵo. Jen kelkaj provaĵoj!

Pri vivo ekonomia: Sufiĉas ses horoj potage por profesia laboro laŭ socieca plano. Samtiom da tempo estu dediĉata al klerigo de gejunuloj. Cetera tempo estu ripozaj kaj liberhoroj por ĉiu homo. Estas aktuale, enkonduki tian komunecon de posedaĵoj, per kiu la familioj kaj soluloj akiru plian liberon en formado de ilia vivo ol antaŭe.

---

*) fra = sen speciala celo.
**) Komparu ankaŭ „Der Erdrechtsbund“ (La terjurligo), Leipzigo 1893

„Ĉio utila estas sankta, ĉar ĝi akcelas vivon kaj ordon en dia mondo.“ Iam homoj nutros sin el akvo kaj aero.

Pri vivo s a n e c a : Homkorpo, la plej perfekta naturprodukto, estas same sankta kiel spirito kaj unuiĝo korpa-spirita. Pro plej bela harmonio Kraŭse rigardas homan korpon kiel la superbestan organizaĵon, tamen evoluintan el animalaro. Laŭ tiu ideo de Kraŭse lia amiko Carus (karus) pritraktis komparan anatomion kaj fiziologion. (Nuntempe instruoj de Carus reviviĝas). Carus konfesas en siaj Memuaroj (I,252), ke li ne povas ne danki al sia amiko Kraŭse gravajn iniciatojn. Li konstatas, ke Kraŭse enhavis magnetan sanigpovon, per kiu li kuracis malsanojn. Kraŭse magnetizis sin, siajn familianojn kaj aliulojn. Tamen li rifuzis publikigon pri tio ekstere de sia tuta sciencosistemo. Magneta sanigpovo „estas forto, kiu emocias al respektego, gaja mirego kaj amo al Dio kaj naturo“. Liaopinie homoj dum unua ĉefperiodo enhavis povon al telepatio. (Lia plej aĝa filino eble estis telepatiulino.) Li skribis la malhelan frazon: „Kiam estonte en hela lumo por ni estos la mistera mondo, kiu nun elkrepuskiĝas en la komencaj aperaĵoj de l' animala magnetizo, tiam la regno de formiloj kaj la regiono de homa socieco plivastiĝos, pliboniĝos forte kaj grave kaj per tio multo, multego da malhomareco pereos“. (La homarligo, Leipzigo 1900, pĝ. 60.)

Pri vivo e r o t i k a : Filozofio Kraŭse-a estas kvazaŭ instruo de amo kosma (simile al instruo de Paolo Mantegazza (1831—1910). „Aŭdu min, amataj gefratoj! Venu, mia frato, mia fratino, en kiu ajna formo vi estas, ĉu malsana, ĉu malpli bela! Lasu ĉirkaŭbraki vin elame, kaj vi sentos la fortobaton de mia koro amevarma! Venu, mi volas diri al vi dian konsolon per pravortoj de l' vivo, kiujn mi aŭdis en horo de l' amo diokara! Venu, vi karaj gefratoj, kiun koloron ajnan montras via haŭto, ĝi estas ja la koloro, kiun amo dia manifestas en amo de la tero kaj suno! Kaj ĉu ankaŭ Pra-veso en-per Naturo lasis elkreski vin el multaj praparoj, tamen la sama tervivsango fluas en viaj vejnoj ĉiesaj!“ (La homarligo, pĝ. 210.)

„Kiam ekzistaĵo amas pure min, tiam per ĝi Dio mem — forme de tutero individua de li — renkontas al mi, do tiam Dio amas min en-per la ekzistaĵo.“ (Intuicioj IV, pĝ. 210).

„Per pura sekskuniĝo vokite, pli altrangaj praspiritoj estas naskotaj surtere.“

„Certe estas al mi, ke la formoj de laŭnatura sekskuniĝo, kutimaj ĉe la eŭropaj kaj ceteraj popoloj de la tero, estas unuflankaj, nur parteto de tio kion entenas pravivo de Veso.“

„Se pli ol du homoj unuigus sin al seksligo kaj deklarus publike konsenton komune kaj sole, tio estus permesenda.“

„Estas honeste sub ĉiu kondiĉo, infanon naski.“

„Estas neprave, malhelpi seksan kuniĝon de sendanĝeraj bestoj.“

(El „La homarligo“.)

Pri vivo a m i k a kaj vivo f r a s o c i a*):

Baziĝas e d z a unuiĝo sur s e k s a kontraŭo, a m i k a unuiĝo sur k a r a k t e r a kontrasto, f r a s o c i a unuiĝo sur i n d i v i d u e c a diferenco.

---

*) Ne sufiĉas la tro vasta termino: socio por tio, kion Kraŭse (Fessler, Garve, Knigge, Schleiermacher, Fichte) eknomis germane: freie Geselligkeit. Apoge sur la vortformo: framasono — mi riskas vortformi „frasocio“.

Kraŭse supozas tri fundamentajn k a r a k t e r o j n : akran, mildan, harmonian.

„Ju pli perfekta kaj originala estas iu karaktero mem, des pli forta estas ĝiaj deziro kaj akceptemo, kunigi sin kun kontrasta karaktero."

„La amikeco estas post la familio la plej interna sanktejo de l' homaro kaj donas tuj post la ligo geedza la plej puran kaj karan ĝojon." Konvenaj domoj kaj ĝardenoj estu dediĉataj al kulturo de amikeco.

Se ne kontraŭo de karakteroj, sed diferenco de i n d i v i d u e c o j kunligas homojn, tiam funkcias „frasocio". „Vivplenigante pli arde kaj originale la propran ecaron, homo ricevas delikatan senton por ĉia bela individueco, kiun homoj prezentas al li en sennombraj kontrastoj kaj nuancetoj, kie ajn li renkontas ilin surtere."

„Per plej interna instinkto de sia naturo instigate, ĉiu homo senvole prezentas sin antaŭ aliuloj kiel sian propran produkton en sia individueco, manifestata en la spegulo de lia korpo, lia parolo kaj ĉiu faro de lia povo. Kial ĉiuj homoj estas esencaj eroj de unu homaro, tial sento de tiu unuo vekiĝas en ĉeesto de fremda, vivoplena, homdigna individueco." Lasu nin konstrui domojn de frasocio!

Pri vivo p e d i a (eduka kaj kleriga): „Ĉiu homo aspiradas laŭ sia naturo al virto, rajto, amo, belo, en daŭra agemo li akcelas la fundamentajn ergojn (= farojn) de sia vivo: sciencon kaj arton kaj harmonion de ambaŭ, kaj per singardema kapablo li edukas kaj pedias sin por ĉio homeca." Kraŭse pritraktas p e d a g o g i o n kiel a ŭ t o n o m i a n aferon.

„Estas altranga prefero de homoj, ke ili povas pripenseme atenti sian perfektigon kiel celon kaj klopodi konscie kaj libere pro ĝi."

„La pedagogo amu en la junulo sin mem kaj homaron, li ŝatu lin ne malpli ol sin, respekte opiniante, ke tiu juna homo estu eble iam vivoriĉa, pli alte kapabla ol li mem! Li celu ĉiupove, ke tiu estiĝu pli perfekta ol li mem! Li pretendu ne alian superecon ol, kiun la juna homo agnoskas libervole!" Kraŭse deziris t u t m o n d a n l i g o n p o r p e d i o.

Pri vivo e n b e l a: Beleco estas dioformeco. Ĉiu estaĵo partoprenas dian belon, kaj beleco estas celo de libera kreado arta. Kraŭse deziris, ke tutmonda ligo por belarto kaj utilarto unuigu ĉiujn homojn, ĉar ĉiuj bezonas kulturi senton, agemon kaj akceptemon porartajn. La kreantaj artliganoj estu la majstroj. La aliaj anoj estas la publiko, kiu ĉerpu animan kaj korpan ĝuon el la verkoj de artistoj, kaj tiuj trovas sian dolĉan rekompencon en utilo kaj ĝojo, kiujn iliaj verkoj donacas. Malgraŭ sia malriĉo Kraŭse oferis multon da tempo kaj mono por artosentema perfektigo de siaj gefiloj. Li mem ludis virtuoze pianon kaj estis ŝatata tenorulo.

Pri vivo r e l i g i a : Kraŭse sentadis sin kiel Hiobo religita kun „Veso" t. e. la absoluta tuto de naturo, spirito kaj homaro. Li fidis absolutan tuton kiel infano la patrinon. Kraŭse ignoretis la nunajn ekleziojn*). La kvakerismo interesis lin. La vivo tuta estu vido al „Veso".

Pri vivo m o r a l a : Laŭ Kraŭse-a etiko la morala imperativo postulas: Ekkonu vian individuan destinon kaj klopodu pro plej bona atingo! Helpu laŭeble ĉiun estaĵon ĉe plenumado de tiu devo!

Pri vivo j u r ŝ t a t a : Kion Kraŭse skribis pri justa juro, signifas plej ra-

*) En suna lumo de religio ekpaliĝos la luna lumo de l' eklezioj.

dikalan reformon de la ŝtatoj. Laŭ lia jurfilozofio *justa juro* estas tuto de *reciproka limigo de rajtoj ĉiesaj*. La privilegioj, sub kiuj devis suferadi dum dua ĉefperiodo de evoluo la virinoj, la infanoj kaj gejunuloj, la malriĉuloj, do ĉiuj malpli fortaj socianoj, tiuj privilegioj estas nuligendaj paŝon post paŝo en tria ĉefperiodo, kiam estos nur unu ŝtato sur la tero. La ideala terŝtato rezignos sian suverenecon super aŭtonomaj mondligoj pormorala, porreligia, porbela, porscienca, porarta, porpedia. Precipe la rajtojn de neplenaĝuloj (eĉ de bestoj) Kraŭse konstatas. La jurfilozofio Kraŭse-a influegis per lia disĉiplo Henriko Ahrens la jurologian literaturon de la romanidaj popoloj, precipe de la hispana (Giner kaj Calderon).

Pri *filozofio*: Estante metafizikisto, Kraŭse transiris la limon, kiun Imanuelo Kant metas al filozofo. Kraŭse kredis eblecon, filozofie ekkoni pli multe ol estas pruvebla per logikaj kialoj. Malgraŭ tio lia kategoriologio (= teorio de ekkono) estas tre grava, same lia diferencigo inter analiza, sinteza kaj konstruiga metodoj.

Pri *sciencaj* fakoj diversaj: En mirinda maniero Kraŭse ĉirkaŭprenis la „globuson intelektan". Li verkis rimarkindajn traktatojn pri lingvologio, pri historio de sekretaj ordenoj, pri muzikteorio, pri Dresdena Galerio de pentraĵoj, pri antropologio, pri kartografio kaj precipe pri matematiko.

Pri *matematiko*: Lia „Tabulo de faktoroj kaj primoj de 1 ĝis 100 000" entenas rimarkindan ekkonon je la problemo de la primleĝo. Li esploris la rilatojn inter la partoj de matematiko. Lia lasta verko (1832) estis dediĉata al problemoj de teorio de kurbolinioj. En la verkego pri historio de matematiko de Cantor ne unufoje troviĝas la nomo Karlo Kraŭse.

*Ŝajnas ekzisti kvazaŭ komploto kontraŭ lin.*

Tio estus komprenebla pro la konflikto inter Kraŭse kaj la *framasonaro*. En sia entuziasmo de jaro 1808 li opiniis ebla, reformi la framasonaron al frasocia homarligo krom ŝtato kaj eklezio. Elektite parolisto loĝia, li prezentis siajn ideojn al loĝifratoj. Kraŭse kredis, ke nun estu ĝusta tempo, diskuti publike la celojn de framasonaro. Li penis pruvi, ke lia reformplano estas konforma al la plej malnovaj loĝiaj tradicioj, kaj li studis fervore historiajn dokumentojn, kolektitajn de Fessler. Li projektis verkon pri la demando: Homarligo kaj framasonaro? Ankaŭ kateĥismon framasonan li skribis laŭ sia homareca intenco. La gravega demando, ĉu la framasonaro povas rezigni sian sekretecon, ekscitegis la loĝiojn en Dresdeno kaj aliaj urboj, kiam Kraŭse lasis anonci (per sia amiko Mossdorf) sian skribaĵon sub la titolo „La tri plej malnovaj dokumentoj priartaj de la framasonaro". (Dresdeno 1810 kaj 1813.)

Kraŭse skribis al sia patro (la 9-an de decembro 1809): „Antaŭ nelonge mi ricevis atentindan anoniman leteron . . ., en kiu oni proponas al mi . . . plenan pagon por ĉiuj ekzempleroj sub la kondiĉo, ke certaj loĝiligoj havos ekskluzivan eldonrajton je mia verko. Tio estas frukto, kiun mi — kiel honesta homo — ne ekprenu, eĉ se mi povus savi mian vivon per tio. Kio estas 2 000 taleroj kaj pli da mono kontraŭ trankvilo konscienca kaj kontraŭ la konscio, tiel esti aginta, kiel la interna devo postulas!" Tio estis la *tenta horo* en lia vivo. La anonimulo minacis: „Inter framasona honoro kaj komune disvastigota fifamigo estas nur unu eliro." Per la „Tri plej malnovaj dokumentoj", presitaj nur por framasonoj, Kraŭse intencis la saman efikon kiel per „La idealo de l' homaro", eldonita publike. (Dresdeno 1811.) Baldaŭ

potencaj loĝianoj protestegis kontraŭ la rompo de juro pri absoluta prisilento. La 17-an de decembro 1810 la Loĝio al tri glavoj eksigis la fratojn Kraŭse kaj Mossdorf. Kraŭse rezignis (kiel ĉiam) defendi sin. Li esperis venkon per la eldono de „Ĵurnalo de l' homara vivo", kiu aperis de januaro ĝis marto 1811 poduonsemajne. Nun ĉiu eblo malkreskis, trovi oficon en Dresdeno. Pro la militaj cirkonstancoj li perdis eĉ la enspezon de kelkaj lecionoj ĉe la inĝeniero-akademio (armea instituto), kie li instruadis krom germana lingvo matematikon kaj geografion. Ne posedante monrimedojn por lernejvizito de siaj gefiloj, li mem instruadis ilin tage kvar horojn. Nur malofte li trapaŝis urbpordegon Dresdenan por promeno. Volonte li migris Lilienstajnon. Enterigiinte siajn manuskriptojn en keleto, li veturis la Grandan Vendredon 1813 al Tharandt ĉe Dresdeno, por loĝadi malproksime de la militejo malpli ĝenate kaj malmultekoste. Li timis ruiniĝi tute per minacanta prezaltigo de vivrimedoj. En tiu tempo li tre okupiĝis pri sia pravortaro germana kaj la menditа traduko de pazigrafia tabulo de Maimieux. Li havis vanan esperon, gajni sufiĉan enspezon por sia propra universala lingvosistemo. En letero (de la 14-a de aŭgusto 1813) al sia patro li skizis tiun artefaritan lingvon.

Kraŭse ekesperis, trovi lokon ĉe la nova universitato B e r l i n a. La filozofo Fichte (Fiĥte) certigis lin pri sia amika helpo. Kraŭse transloĝiĝis eke de jaro 1814 al Berlino. Li akiris ja docentrajton, sed nenian monon. Post morto de Fichte (1814) ricevis Schleiermacher (ŝlajermaĥer) la profesoran oficon filozofan.

En Berlino Kraŭse fondis s o c i e t o n p o r l a g e r m a n a l i n g v o (kune kun Jahn, Zeŭne, Wolke, Heinsius k. a.). En jarlibro de la societo li publikigis la rimarkindan artikolon: Pri la digno de la lingvo germana. Kraŭse aplikis sian t r i o p a n m e t o d o n ankaŭ sur la kampo lingvoscienca, t. e. li pritraktis lingvon filozofie, historie kaj praktike. Laŭ filozofia metodo li projektis ĝeneralan lingvologion, laŭ la historia metodo li esploris la evoluadon de lingvoj, laŭ la praktika metodo li germanigis multajn fremdvortojn kaj formis konforme al la strukturo de germana vortfarado novajn vortojn precipe por la purgermanlingva prezento de sia tuta sistemo de sciencoj.

Kraŭse fondis en Berlino ankaŭ „s o c i e t o n p o r e d u k o" kune kun la Pestalozzi-ano Plamann. En la malmultaj kunvenoj de tiu grupeto oni legis kaj diskutis la Lencburgan Paroladon de Pestalozzi.

Kiam diplomatoj eŭropaj 1814 en Vieno kovadis novan ŝtatan ordon de l' Eŭropo Kraŭse aperigis anonime la traktaton: „Plano de e ŭ r o p a l i g o d e ŝ t a t o j kiel bazo de komuna paco kaj kiel jura ilo kontraŭ ĉiu atako je interna aŭ ekstera libero de Eŭropo." Metternich kaj Talleyrand ja ne konsideris tiun idealan planon, sed eble Wilson. (La verketo estas noveldonita 1920 ĉe Felix Meiner, Leipzigo.)

Kraŭse a b o m e n i s m i l i t o n. Li skribis al sia patro (1817): „Milito ne estas pravigebla antaŭ racio. Ĉiu homo kun klara intelekto kaj bona celo ne povas ne kondamni absolute — kiel la kvakeroj, tiel ankaŭ mi opinias, kaj mi preferus lasi mortigi min ol partopreni iun ajn servon militan."

Sian sesan vivjarsepon Kraŭse pasigis refoje en Dresdeno. En la jaro 1817 li povis akompani iun vojaĝantan Berlinanon al Romo kaj Parizo. Cetere lia vivo estis daŭra mizero, ununura labortago senpaŭza. Ofte li instruadis siajn gefilojn ok horojn potage. Laŭ lia opinio tiu instruado kunhelpis, ankoraŭ pliperfektigi lian sistemon sciencan. „Mi ankaŭ esperas, en miaj idoj

postlasi vivantan sistemon, veran sciencan skolon, kiu daŭrigos kaj fine perfektigos, kion mi komencis."

Eke de sia sepa vivjarsepo li akiris docentrajton ĉe la universitato en Göttingen, sed la framasona fifamigo persekutis lin ankaŭ tie. Nur tre malmultaj studentoj venis al li, sed kelkaj sekvis lin libervole en ekzilo. En la jaro 1830 okazis studenta tumulto en Göttingen. Oni tiris la bojkotiton en polican ekzamenon. Lia disĉiplo Ahrens fugis al Parizo. Kraŭse estis devigita de la universitata tribunalo, kun edzino kaj idoj forlasi la urbon.

Malsanege li veturis al Munĥeno kun la espero, trovi lokon ĉe la tiea universitato. Sed Schelling (ŝeling) obstinis kontraŭ allason. Infanece Kraŭse fidis la providencon. Li ne volis defendi sin. Li mortis en kredo:

**Amo triumfos!**

---

# Aktiva Lernejo kaj aktivaj Metodoj.

De D-ro Ad. Ferrière,
Vic-direktoro de Internacia Oficejo de Edukado,
Vic-direktoro de la Internacia Ligo por Nova Eduko.

Malrapide, sed nerezisteble, la ideo pri Aktiva Lernejo disvastiĝas en la mondo. Jen unu ekzemplo: la 20-an de aprilo 1928, malfermiĝis en Ĝenevo instituto, kies programo estas la sekvanta: doni al la infanoj multegajn eblojn de agado, konformajn kun iliaj aĝo, kapablecoj kaj ĉefaj gustoj; konsideri lernejan agadon kiel preparon por vivo; komence, lasi la infanojn agi, unuope aŭ grupe, por ilin ekkoni kaj tiel fari unuan diagnozon pri profesia konsilado; tiurilate, sugesti agadojn konkretajn kaj abstraktajn, kiuj celas eviti tro longajn provojn kaj serĉojn riskantajn okazigi perdon de tempo, ŝanceliĝojn kaj senkuraĝiĝon; sed ĉiam procedi de la periferio al la centro: de ŝajno al profundaj realoj, de kapricoj al faktaj gustoj, de simpla allogo, rezulto de sugesto aŭ de imito de l' medio, al aŭtentika intereso, kiu montriĝas per farita streĉo. Post farita diagnozo pri kapabloj, temperamento kaj mensa tipo de l' lernanto, ne kontentiĝi per diferencigo de iliaj ĉefaj kapabloj, de tro frua specialigo, kiu limigus lian vivon, senfruktigus la superajn ecojn de kompleta homo; sed sugesti altajn celojn, atentigi pri mankoj, direkti spontaneajn dezirojn de l' infanoj al la laboro, kiu forigos tiujn mankojn, kaj ebligos al la infanoj sukcese realigi siajn grandajn dezirojn; tiel ekzerci malpli evoluintajn kapablojn, eĉ veki mankantajn, por atingi regadon de si mem. Tiel sekvi la grandan bio-psikologian kurban linion, kiu kondukas de infan-aĝo egocentra, impulsa kaj naive utileca al normala junulaĝo idealema, altruista, grandanima, kiu entuziasmiĝas pri sinregado kaj amo al senprofitema vero, por finveni al plenaĝo, kiam, ekvilibritaj unu per la alia, idealismo kaj realismo vivigas la spiriton de l' „homo", laŭ la plej alta senco de tiu vorto: jen kion celas la edukisto, pri kiu mi aludas.

Kaj li ne estas la sola, inter la fervoraj adeptoj de Aktiva Lernejo, kiu en la realon transportas la novajn principojn de geneza psikologio. Ĉu necesas ke — krom la ekzemploj cititaj en mia libro „La Liberté de l'Enfant à l'Ecole active" — mi memorigu pri la aplika lernejo, alligita filio ĉe la in-

struista instituto de Vieno kaj kreita de la Lerneja Konsilantaro de tiu urbo, pri la aplikaj klasoj de Instituto de Edukaj Sciencoj en Jena, pri la lernejo de Scharfenberg, apud Berlino, estrata de direktoro Blume, kaj pri City and Country School en Nov-Yorko, pri Lincoln School of Teachers' College ĉe Columbia University, kaj multaj aliaj? Rilate al tiu lasta lernejo, la granda usona psikologo William H. Kilpatrick — la plej granda, laŭ nia opinio, post la maljuna majstro John Dewey — skribis:

„Ĉi tie ne ekzistas alia programo ol tiu, kiu rezultas de agado. Ne estas lecionoj preparotaj kaj poste lernigotaj, ankoraŭ malpli lecionoj preparitaj de iaj plenaĝuloj, kiuj transdonas ilin pretaj al aliaj, por ke tiuj instruu al la lernantoj. La ŝanĝo estas tiom kompleta, ke tiuj, kiuj ĝin faradas, eĉ ne konscias pri ĝi. Ili ne aludas je ĝi. Ili ĝin vivas, tute simple. Kaj tiu ŝanĝo ne limiĝas je la nura programa problemo. Malsamiĝas la sintenado rilata al la tuta eduka procedo, al la vojoj kaj rimedoj por kontaktigi studadon kun vivo kaj por reviglìgi vivon, kiam ĝi penetras en studadon."

Ĉu oni kontraŭdiros, ke aktivaj lernejoj varias laŭ la lando, la regiono, la lernejestro? Kiu tiel parolus, pruvus ke li haltas ĉe statikaj kaj supraĵaj vidpunktoj, ĉe la „maja" (iluzia mondo) de hindoj, kaj ne atentas la aktivajn fortojn enhavatajn en ĉiuj tiuj klopodoj de lerneja transformado, de „revolucio", kiel diras Kilpatrick. Oni devas konfesi tion: hieraŭa lernejo ankoraŭ kuŝis en spirito-stato konformista, aŭtoritata, kie individueco estis el ekstere muldata de „estroj", spirito-stato kiu estis tia de antikva epoko (vidu „La Cité antique" de Fustel de Coulanges) kaj de mezepoko. Sed, psikologio kaj sociologio montras, ke post fazo de akceptita aŭtoritato, geneze sekvas nedaŭra fazo de relativa anarkio kaj fine fazo racia, spirita, nomita fazo de pripensita libero aŭ — sur socia kampo — de solidareco. Hieraŭa lernejo estis aŭtoritata; hodiaŭa lernejo provetas, sekvante novan idealon konforman kun scienco kaj saĝeco. Morgaŭa lernejo, profitinte el la eltrovoj de psikologio de subkonscio, de l' progresoj ĉe diagnozoj, realigitaj per testoj, de l' konoj pri profesia konsilado, ellaboritaj per geneza sociologio, estos io tiom malsama al hieraŭa lernejo, ke la mondo miros, kiel aviadisto ekstaziĝas antaŭ la ĉaroj tiritaj de bovoj, kiujn uzis la reĝoj de Francio, aŭ antaŭ la boatoj el kavitaj arbotrunkoj de niaj praavoj el la ŝtonepoko.

Kaj Aktiva Lernejo estas lernejo de estonto. Nun ĝi ekzistas ankoraŭ nur en embria stato. Grandega estas la laboro por ĝin liberigi de l' eraroj de estinteco: programoj, didaktikaj metodoj, leciontabeloj, kadukaj partoj de ekzamenoj, kadukaj ĉar ili ne atentas la leĝojn de individua kreskado. Grandega estas kaj ankoraŭ dum longa tempo estos la laboro, por adaptiĝi al la novaj metodoj de la principoj, kiujn eltrovas, tagon post tago, la geneza psikologio, tiu de homoj kiel Dewey, Kilpatrick, Claparède, Bovet, Piaget kaj multaj aliaj esplorantoj de infana animo. Sed tamen, la nova lernejo marŝas. Estas la tasko de sagacaj viroj kaj virinoj, helpi al ĝi venki la malfacilaĵojn. „N o n  m u l t a  s e d  m u l t u m". Nenia nepripensita entuziasmo, neniaj tro fruaj ĝeneralaj aplikadoj, kiuj kondukus al malsukceso — ĉu Ruslando, Vieno, Hamburgo ne riskas, sur psiko-pedagogia kampo, surprizojn de estonto? — Do, klara vidado de l' celo, malrapida kaj „organa" kreskado de l' institucioj, formado de instruistoj kaj profesoroj por Aktiva Lernejo, klasoj eksperimentaj aŭ de „didaktika diferencigo", kiel oni diras en Italio. Certe, kokido faras revolucion, kiam ĝi rompas sian ŝelon, sed tiu

revolucio estas rezulto de evoluo, kiu provizis la besteton je piedoj, plumoj kaj beko, kaj igis ĝin viv-kapabla. Oni iomete tro forgesas tion, en iaj pedagogiaj medioj, kie la vorto „revolucio" havas preskaŭ magikan signifon!

Hieraŭa lernejo estis lernejo de potisto — de l' homo faber, kiel diras Henri Bergson en „Evolution créatrice"; — morgaŭa lernejo estos lernejo de bona ĝardenisto, laŭ la instruo de Pestalozzi kaj la vorto de Froebel. Tiurilate, oni devas timi la aŭtomatecon, kiu minacas enplantiĝi en hodiaŭa lernejo. Oni devas ripeti, ke spirita influo de bona instruisto neniam estos superflua aŭ senutila. Testoj neniam anstataŭos, por precizigi la nuancojn de karaktero, la senperan kontakton, en ĉiutaga agado, kun sagaca psikologo; kinematografo nek radio anstataŭos sperton de vivo; materialo por sin-eduko ĉiam estos nur rimedo por alproprigi al si iajn teknikojn kaj por reguli tian lernadon laŭ la rapideco — pli aŭ malpli granda — de ĉiu individuo; eĉ la teknikoj por sin-eduko, de Carleton W. Washburne en Winnetka, kiuj, mi estas certa, kondukas al esploroj kaj procedoj necesaj al bona funkciado de Aktiva Lernejo, neniam egalos la spiritan radiadon de valora instruisto; la funkciado mem de la perprojekta metodo en Winnetka, pruvas ke Washburne samopinias.

Sed, krom la danĝero de morgaŭa aŭtomateco, kaj tiu, multe pli grava nun, de hieraŭa aŭtomateco, kiu ankoraŭ vivas — mi pensas pri la lernejaj leĝoj, la rigidaj programoj, la metodoj brutale kolektivaj, la neŝanĝeblaj leciontabeloj kaj la ekzamenoj subpremantaj ĉian individuecon en la plej multaj el niaj modernaj ŝtatoj[1]), — estas alia danĝero, pri kiu mi devas atentigi ĉi tie: la tielnomataj „novaj metodoj", laŭdataj en pedagogiaj revuoj, kvazaŭ ili estus la supro de modernismo.

Unuavice mi mencias la tro faman planon de Dalton, kiu konsistas el simpla transformado de l' hejmaj taskoj — taskoj kiujn oni nun faras en la lernejo mem, en daŭro de du semajnoj aŭ unu monato — sed konservante la malnovajn lernolibrojn, la malnovajn metodojn recitigajn kaj parkerajn, la malnovajn programojn, resume ĉiujn malnovajn erarojn, al kiuj aliĝas — cirkonstanco pligraviga! — la malvirtoj de ĉiu kolektiva instruado. Mi vizitis lernejojn, kiuj tiel aplikas la planon de Dalton; mi konas aliajn, kie, post provado, oni — feliĉe! — rezignis ĝin apliki. Mi konsideras tiun praktikon kiel publikan danĝeron.

Ellabori programon, konforma kun la bezonoj de l' plimultaj infanoj kaj kun la leĝoj de ilia kreskado, jen estas, certe, pli bona solvo. Sed apliki tiun programon rigide, sen spontanea kaj ne-antaŭvidita kunagado de l' lernantoj, estas nova danĝero, nova baro al aplikado de l' principoj de Aktiva Lernejo. Estas danĝero, kiun ne ĉiam sukcesis eviti la cetere tiom bona programo de D-ro O. Decroly. Se instruisto opinias ke li aplikas la Decroly-an metodon, sed antaŭe sciante ke je ioma horo li nepre traktos certan temon aŭ donos precizan „lecionon" al siaj lernantoj — leciono kiu estas nek sugestita de ili nek ĝoje akceptita de ili, ankoraŭ malpli de ili postulita pro bezono aŭ rimarkita manko — la agado de tiu instruisto ne estas konforma al geneza psikologio, do al Aktiva Lernejo. Mi deklaras tion des pli firme, ĉar mi scias, ke D-ro Decroly akordas kun mi.

---

[1]) Vidu: Ad. Ferrière, Estonta Eduko, Eldona servo de Universala Esperanto-Asocio, Ĝenevo, (1, Tour de l'Ile), 1929.

La Montessori-a metodo evitas tiun danĝeron: la infanoj elektas sian materialon, ĝin uzas, ĝin forlasas laŭplaĉe. Sed ĉi tie la eraroj estas aliaj: rilate al la etuloj, la disĉiploj de la majstrino ofte tro atentas — pli oi ŝi mem tion deziras — la teknikan materialon, forlasante la mastrumadajn agadojn, la kontakton kun plantoj kaj bestoj, la liberan ludon kun aŭ sen materialo, imagitan de la etuloj, ĉiujn agadojn de s-ino Montessori rekomenditaj aŭ de ŝi konsiderataj kiel certe okazontaj ekstere de lernejo. Ĉe la pli grandaj, ĉiam kreskas misproporcio inter la rimedoj de l' vivo kaj la relativa malriĉeco de tro abstrakta materialo. Kontraŭ la mallaŭdantoj de tiu metodo, mi deklaras ke tiu materialo estas bona, same kiel la edukaj ludoj de l' Decroly-a materialo, al kiuj ĝi multparte similas; same kiel estas bonaj ankaŭ la multaj ekzercoj rekomenditaj de la Bonfarantaj Fratoj de Gand, (ĉiuj, cetere, inspiritaj de Itard, Seguin kaj Bourneville). Sed oni devas uzi ilin en rilato kun vera vivo; oni devas igi la infanojn ŝati ilin, pro tio ke ili forigas mankon, ke ili kontentigas la bezonon venki malfacilaĵon kaj fortigi samtempe la potencon de l' mio super la mondo, kaj de la racio super la mio. Certe, infano ne kapablas koncepti tiun filozofion. Sed ĉe li la instinktoj estas ĉiopovaj; ili naskas bezonojn, dezirojn, tendencojn, agojn, kiuj kontraŭstaras la eksteran mondon, kiuj ĝin palpas, knedas, per ĝi kelkafoje vundiĝas, rekomencas, serĉas, obstinas, elektas, kiel besto serĉas kaj elektas la nutron, kiun ĝi bezonas por forigi sian malsaton, fundamenta instinkto intime rilata al la instinkto vivi kaj plifortigi sian potencon. Sed, same kiel malgranda malbesto, serĉante, trovas la sinon de sia patrino, same la infano, tute eta, malfermas siajn okulojn por kapti la rigardon de sia patrino aŭ de l' instruistino, kaj, se li trovas por tiu bezono je protekto kaj gvidado la intiman kontentiĝon kiun li malprecize atendis, li kutimas ĝui la spiritan kontakton de l' plenaĝulo, veni al li, alporti al li siajn eltrovojn, lin demandi, kredi je li. Pestalozzi — ĉefe en siaj leteroj al Graves[2]) — klare vidigas tiun nemezureblan kaj bonigan rolon de patrino. La nuna lernejo tute kontraŭ-biologie kaj kontraŭ-psikologie trouzis tion per kolektiva leciono altrudita eĉ al kvar ĝis ses-jaraj etuloj, per tro frua instruado de sistema legado, de skribado, kalkulo, gramatiko, kvazaŭ la plenaĝula alsicentrigo, kiu jam, per naiva antropomorfismo, imagas Dion laŭ si mem, ankaŭ volus muldi laŭ si mem la dian animon de l' infaneto! Sed, se unuflanke ni vidas ne nur uzadon, sed eĉ pozitivan troigon, kion ni diros pri la aliflanka negativa troigo de s-ino Montessori, la foresto de ĉia instruo, la sistema ne-enmiksiĝo de l' plenaĝulo? Se mi estus ses-jara bubo, mi multe preferus la fabelojn de la Patrino Anserino [konataj franclingvaj fabeloj], ol la plej perfektigitajn erojn de l' didaktika materialo.

Proksimume de 1905 ĝis 1908 naskiĝis la metodoj de Montessori kaj de Decroly. En 1900 oni unuafoje aplikis la metodojn de Aktiva lernejo. Kaj tamen oni multe pli parolas pri la unuaj ol pri la dua. Kial? Pro la sama kaŭzo, kiu igas ke milionoj da lernantoj ankoraŭ estas viktimoj de l' kadukaj metodoj de l' didaktika empirismo de hieraŭ, ke miloj da lernantoj estas submetitaj al la dubaj bonaĵoj de l' plano de Dalton, ke apenaŭ kelkaj centoj da lernejoj aplikas, — ilin malbonformigante, simpligante kaj senefikigante — la metodojn de Montessori kaj de Decroly, ke nur malmultaj dekoj, sendube,

---

[2]) Vidu „Pour l'Ere nouvelle“, februaro 1927.

ilin aplikas je plena kontentigo de la du majstroj, kiuj ilin kreis: do, pro la principo de la malplej granda peno! Aktiva lernejo postulas profundan konon teorian kaj praktikan de geneza psikologio, komprenon de la subtilaj fenomenoj de l' subkonscio, kiajn mi ilin priskribis en mia libro „Le Progrès spirituel"; plue, ĝi postulas intuicion, ne nur pri abstraktaj ideoj, pri teorioj kiuj estas la nevidebla ostaro de la multflanka realo, sed ankaŭ kaj ĉefe sur kampo konkreta, viva: infanaj animoj kaj mondo en kiu ili estas enprofundigitaj; fine, fleksoblecon, sencon de adaptiĝo, sencon de oportunismo, laŭ bona senco de l' vorto, antaŭvidon de l' reagoj de la infano, antaŭvidon ankaŭ de l' rimedoj por kontentigi liajn spiritajn bezonojn, eltirante tiujn rimedojn el la media mondo, kian ni ĝin trovas kaj ne tian, kian ni ĝin deziras, kaj ĝi — laŭ nia opinio — „devus" esti. Neniu estas edukulo, se li ne kunligas en si sagacan firmecon kaj imagan fleksoblecon. Ni ankoraŭ aldonu amon, sen kiu nenio sukcesas; ĉar spirita radiado faras miraklojn, tie, kie ĉiu talento, ĉiu inteligento, ĉiu scienco de la mondo, sen amo, kondukus al nenio konstrua.

Tio sufiĉe montras ke veraj Aktivaj Lernejoj estas, kaj ĉiam estos maloftaj. Oni povos precizigi la rolon de l' edukanto, por ke laca aŭ malsana instruisto tie malutilu kiel eble malpleje; oni povos elekti jam en elementa lernejo la patrajn kaj patrinajn temperamentojn, kiuj verŝajne poste estos laŭemaj edukantoj kaj edukantinoj; oni povos precizigi kaj perfektigi la aŭtodidaktan lernejan materialon, kiu ebligas laboron individuan aŭ laboron en malgrandaj grupoj libere formitaj. Ĉio tio ne malhelpas, ke bonintencaj „vulgarizantoj" de Aktiva Lernejo — similaj al la simplanima Ziller rilate al la tro subtila metodo de lia majstro Herbart — projektos reguli laŭ oportunaj procedoj kaj kvazaŭ sur muzik-papero la plej naivajn postulataĵojn de geneza psikologio, kaj ke multaj imitantoj sen imago, feliĉaj ke ili ne bezonas kompreni tion, kion nek ilia racio nek ilia intuicio permesas al ili kapti el la infana animo kaj el la leĝoj kiuj ĝin regas, fanfarone pretendos fari „Aktivan Lernejon", kiam ili nur eble aplikos kelkajn el ĝiaj procedoj: manlaboro, kolektado de specimenoj aŭ edukaj ludoj.

Nomi Aktiva Lernejo la „aktivajn metodojn", jen malutilega kompromiso kun la postuloj de absurdaj lernejaj leĝoj, jen la danĝero, jen la kaptilo en kiun emo al plej malgranda peno ĉiutage faligas multajn instruistojn. Aktivaj metodoj estas plia procedo, procedo inter multaj aliaj, por alproprigi al la lernantoj programon antaŭe fiksitan kaj trafe nomitan „materio por ekzamenoj". Malfeliĉaj stomakoj . . . malfeliĉaj cerboj, mi volas diri! Kaj kiel bone oni komprenas, ke al ili mankas apetito! Ili petas pri pano, kaj oni donas al ili ŝtonojn. Kaj kiom la „aktivaj metodoj" estas malproksimaj de aŭtentika Aktiva Lernejo, kie la tuta spirito de l' infano — sento, intelekto kaj volo — estas atentata; kie lia vivovolo, lia spirita viva elstreĉo, lia spontanea intereso formas la bazon de programoj kaj de metodoj; kie nenio estas antaŭjuĝita, krom tio, kio estas esenca al priinfana psikologio kaj al la ĉefaj interesoj de ĉiu aĝo; kie individua laboro ludas la plej gravan rolon, ĉiu lernanto progresante laŭpove, kaj kie kolektiva laboro unuigas tiujn, kiuj samkapable traktas la saman temon, sekve de iliaj progresoj kaj iliaj interesoj!

Se Aktiva Lernejo, preparita de J. J. Rousseau, de Pestalozzi, de modernaj biologio kaj psikologio, kaj de la nekomparebla aro da novaj lernejoj surkamparaj, povis naskiĝi en 1900; se, de tiam, ĝi estas konkeranta la mon-

don; se ĝi aligis al si — en intenco pli ol en realo, tion ni konfesu — ŝtatojn tiom vastajn kiom Aŭstrio, Ruslando kaj Ĉilo; se, perfektigita kaj grandigita, ĝi iĝas la morgaŭa lernejo, oni ne ŝuldos tion al unu homo, nek al unu grupo, nek al unu nacio, sed al la vero kiun ĝi enhavas en si, al ĝia konformeco kun la grandaj leĝoj de vivo kaj de spirito, kiujn la homo, en sia serĉanta marŝado al lumo, elŝiras, tagon post tago, el la Nekonato.

(Daŭrigota.)

---

# La Internacia Konferenco por la Instruado de Historio en Hago.

(30-a de junio, 1-a kaj 2-a de julio 1932).

Historia ĉirkaŭaĵo: Binnenhof, Louvre kaj Versailles de Nederlando, kies brikaj laŭvicaj kasteloj atestas tricentjarajn revoluciojn kaj batalojn.

En la ĉambrego de la Militpaŭzo (tiel nomita en memoro al la dekdujara militpaŭzo traktita inter Hispanujo kaj Nederlando en 1609), poste en la Alta Ĉambrego de Ĝeneralaj Ŝtatoj, afable disponigita por la Konferenco, malfermiĝis kunsido: historiistoj (tiuj kiuj partoprenos post kelkaj tagoj la laborojn de la Internacia Komitato de la Historiaj Sciencoj), profesoroj, pacamantoj, instruistoj.

La prezidanto estas s-ro Altamira, juĝisto ĉe la Haga Kortego, kaj plie historiisto, pedagogo, pacamanto.

Kvin demandoj je la tagordo:

a) la parto atribuota, cele al la moderna edukado, al la historio de civilizacio kaj ties diversaj faktoj, en la instruado de historio en la unuagrada kaj duagrada lernejoj.

b) La preferordo aŭ la proporcio de nacia historio kaj universala historio en la instruado de historio.

c) La ideala enhavo de la lernejaj libroj uzataj en la unuagrada kaj en la duagrada instruado.

ĉ) La forigo (en la lernejaj libroj) de la eraroj kaj partiecaĵoj kontraŭaj al la historia vero, al la integrala kono de la ĉefaj faktoj de la historio de la popoloj, kaj al la bonaj reciprokaj rilatoj inter ili.

d) La historia instruado en la unuagrada lernejo en rilato kun la aĝo de la infano.

Ne estas eble raporti tie ĉi detale pri la konferenco.

Mi nur provos, elvoki ties atmosferon, la plej elstarantajn faktojn, resumi la plej gravajn diskutojn.

Inter la kvin temoj pritraktitaj ekzistis multaj komunaj punktoj. La demandoj ne funde apartiĝis kaj la diskutoj resumiĝis en la nura problemo:

Kiel, en la historia esplorado kaj en la historia instruado per la libro aŭ per la profesora parolo, doni la justan parton al la nacia historio kaj al la universala historio?

Neniu oratoro kuraĝas defendi la tezon de la ekskluzive nacia historio. Neniu kuraĝas pledi favore al la tiel nomitaj militemaj libroj.

La Konferenco unuanime konsideras historion kiel ilon de socia kulturo, kaj ne kiel rimedon por eksciti patriotismon.

Kaj tiu unuanimeco mem signas jam grandan progreson en la spiritoj.

Sed tiam, oni pensos, se tia akordo regis, la Konferenco disvolviĝis en kvazaŭ enuiga kvieto. Neniel estis . . .

**Francgermanaj problemoj.**

Kiam s-ro Kern, profesoro ĉe Bonn'a Universitato, montris, per la ekzemplo de la historiaj faktoj komunaj je Francujo

kaj Germanujo, kiel la interpretoj estas kontraŭecaj, do tendencaj, emaj naski miskompreniĝojn kaj malamojn, li metis antaŭ la Konferenco la tutan tragedian problemon de la franc—germana antagonismo. Kaj kiam li anoncis la kreadon de komitato de germanaj kaj francaj historiistoj kaj profesoroj el la Berlin'a, Pariza, Bonn'a kaj Strasburg'a universitatoj, jungitaj por la redaktado de unueca verko, oni komprenis ke tie staris pli ol Kellog'a kontrakto de la historia konscienco, sed konstrua penado kiu, pligrandiĝante devis eĥe resendiĝi en la lernlibrojn la plej elementajn de la plej humilaj lernejoj.

Ni plilarĝigu la ideon, diris s-ro Waltz, sekretario de la Interakordiĝa Komitato de la grandaj internaciaj asocioj. Ni kreu, laŭ la modelo de tiu dunacia komitato de historiistoj, similan komitaton de edukistoj. Ni enkonduku en ĉiujn germanajn lernejojn legolibron pri Francujo, en ĉiujn francajn lernejojn legolibron pri Germanujo, ambaŭ libroj konigantaj la esencon de tio kion oni povas instrui al infanoj pri la historio kaj la vivo de ambaŭ landoj.

Kaj ĉiu aprobis.

La helpo de la instruistoj, mi diris, estas certigita por ĉiu penado disvolviĝonta en tiun direkton.

**Nacia historio kaj internacia historio.**

Pri la akordo starigota inter nacia kaj internacia historio, la vidpunktoj fariĝis pli malsimilaj. Sed la proponitaj solvoj ne eliris el la kampo de projektoj, ĉu temu pri internacia lernolibro ĉu pri tekstaro, ĉu pri historio de la civilizacio. Historiistoj ne estas rapidemaj homoj; ili deklaras ke ili komencas apenaŭ esplori la kampon de la historio de la civilizacio. Ĉu ni ilin atendu? Prudenteco tion konsilus.

Sed la infanoj ne povas atendi. Kaj ni, instruistoj ne volas atendi. Tial, mi ankaŭ diris, ekde oktobro, ni provos skizi en la „Ecole Libératrice" planon ne idealan, sed konkretan, de programo de historio kiu, laŭ la esprimo de Ernery, montros la disvolviĝon de la franca nacio kondiĉitan de la senĉesaj interŝanĝoj pli kaj pli gravaj inter ĝi kaj la ceteraj popoloj ĝis la momento kiam ĝia vivo ne plu estas konceptebla ekster internacia ordo.

**Psikologia problemo.**

Se ni erariras, la historiistoj avertos nin, kaj ankaŭ psikologoj al kiuj nin aiportos novajn elementojn por studo de la intelektaj sintenoj de la infano antaŭ la historia problemo.

Ni ne scias ankoraŭ, diras Piaget, kiamaniere la infano imagas al si la netravivitan estintecon, kiamaniere li akiras la koncepton pri estinteco.

Per kiaj elementoj ni provos akirigi al li tiun antaŭan koncepton? Mi skizis antaŭ la Konferenco la laborplanon kiun donos al ni nia kamarado Belliot.

La programo de la Nacia Sindikato pro ĝia praktika kaj realista karaktero estis akceptata de la Konferenco kun videbla simpatio.

Multnombraj estis tiuj kiuj volis ekkoni ties detalojn.

S-ro Waltz, parolante kiel delegito de la Ministro pri Nacia Edukado donis al nia programo tre rimarkitan aliĝon.

**Kontrolo de la lernejaj libroj.**

Estiĝis malplia unuanimeco kiam oni ekdiskutis la demandon pri la kontrolo efektivigota en la lernejaj libroj.

Postkiam franca historiisto defendis la tezon de libereco kaj petis ke estu respektataj la materiaj kaj moralaj interesoj de la aŭtoroj, mi opiniis mian devon respondi per vortoj kiujn mi integrale reproduktas: mi respondecas pri tio al la Nacia Sindikato kies prokurinto mi tiam estis.

Kiel instruisto, kaj koncerne al la lernlibroj de la unuagrada instruado, la nuraj pri kiuj mi rajtas paroli ĉi tie, mi ne povas aprobi la deklaraciojn de s-ro Cahen.

Se la materiaj kaj moralaj interesoj de

la aŭtoroj estas altgrade respektindaj, decas tamen konsideri unualoke la interesojn de la infano, de la lernejo, de la nacio, kaj la supera intereso de la homaro survoje al paco.

Ne estas allasebIe ke oni pravigu la kontrolon en la uzado de la venenoj, de la alkoholo, de la nutraĵoj kaj ke oni reklamu samtempe la liberecon veneni la infanan animon.

La instruistoj ne povas subskribi tian rezignon. La francaj instruistoj, uzante siajn rajtojn kiujn donas al ili la leĝo de ilia lando, bojkotis la militemajn librojn enkondukitajn en la lernejojn tuj post la milito. La aŭtoroj kaj eldonistoj, ĉu konsiderinte kiel legitimaj la protestojn de la instruistoj, ĉu aliĝinte al la tezo de la materiaj kaj moralaj interesoj, alprenis nian vidpunkton, modifante siajn lernlibrojn.

La francaj lernlibroj ne estas la nuraj elpurigendaj libroj. La Ĝeneva Konferenco opiniis utila la starigon de komitato por la morala senarmigo kiu sin okupas pri la revizio kaj kontrolo de la lernlibroj.

La instruistoj treege deziras ke la laboroj de tiu komitato finsukcesu kaj ke, en ĉiuj landoj, kaj en akordo kun la laŭlanda lerneja reglementado, la plej radikalaj kaj rapidaĝaj decidoj estu alprenitaj kontraŭ la militemaj libroj.

La Konferenco ne decidis pri tiu grava problemo. Ĝi bone agus preninte sian respondecon. Sed ĝi decidis fariĝi konstanta organizaĵo kun perioda bulteno.

Daŭrigante samtempe la historian serĉlaboron kaj pedagogian prilaboron, tiu nova eldonaĵo estu sufiĉe disvastigata por helpi al la instruistoj en la du taskoj kiujn ili donis al si: forigi la dinastian kaj militan historion kiu naskas malamon per siaj mensogoj kaj falsa gloro; instrui la laŭveran historion de la popoloj, kiu elvokas la nekonatajn mizerojn kaj heroaĵojn, kapablajn krei la pacaman volon de la alvenantaj generacioj.

G. Lapierre, Parizo.

E. L. 16. 7. 1932. (Esp. F. Baronnet.)

---

# Esperanto kaj lernejoj.

Prilaborita de Albrecht Naumann, Großenhain Sa. (Germ.).

**Aktualaĵojn oni bonvolu tuj sendi al la prilaboranto de tiu rubriko. Estas nepre necese, ke la tekstoj de decidoj, la dato de la voĉdono pri ili, la decidantaj unuiĝoj kaj la loko de ilia kunveno estu precize sciigataj.**

## 1. Eŭropo.

### 1. Ĉeĥoslovakujo.

P r a h a. En Rondeto de E-istinoj fr-ino instruistino J. Šupichova parolis 20. 5. pri „Nova Lernejo kaj testado". Tre interese ŝi klarigis, kio estas kaj kion celas „IALA", „Kunlaborado" kaj „E-aj testoj".

P r a h a. En la porinfana revuo „Mlady svět" (Juna Mondo), kiu estas eldonata de ŝtata eldonejo, estas jam la trian jaron esperanta kurso por infanoj, kiun skribas faka instruistino Julie Šupichova en Praha. La kurso estas sekvata de multaj geinstruistoj, gelernantoj kaj ankaŭ de junaj esperantistoj en „Blindula Instituto" de Praha. Rimarkinde estas, ke la nomita eldonejo estas fako de ministerio de instruado en ĈSR.

F-rino Šupichova ankaŭ gvidas kurson por infanoj en infana aldono „Slovičko" (de post 1931), kiu aperas ĉiudimanĉe en granda ĵurnalo „Česke Slavo" (Praha).

Klasoj, infanoj kaj plenaĝuloj lernas laŭ ĝi.

U h. O s t r o h. Knabinoj de la kvara klaso de burĝa lernejo prezentis belajn kantojn kaj poemojn dum la kursfina vespero de la grupo. Ili lernas ĉe instr. Bartoŝik.

**2. Danujo.**

A a l b o r g. Sukcese agadis instruisto Ajo. Al la konversacioj laŭ Ĉe-metodo venas 17 instruistoj kaj multaj aliaj personoj.

H o b r o. Laŭ iniciato de policestro Ege fr-ino Elinjo Pähn parolis en Majo antaŭ instruista rondo pri „Esperanto kaj lernejo".

S i l k e b o r g. 17.—24. 7. okazis Internacia Instruista Esp.-Kurso, gvidata de instr. Ajo laŭ Ĉe-metodo. Partoprenis pli ol 30 personoj. Detala raporto en Heroldo 32/33 (685/86).

**3. Estonujo.**

P ä r n u. 19. 2. komenciĝis en Popola Universitato kurso por komencantoj, gvidas E. Mälson, partoprenas 22 personoj.

T a l l i n n (Reval). Ĉe grupo „Espero" fondiĝis instruista sekcio. Ĝi jam propagandas en instruistaro.

V a l g a. En knabingimnazio funkcias Esperanto-Klubo.

**4. Francujo.**

Unueca Instruista Federacio Franca kaj Franca Unuiĝo je Konfederaciaj Instruistaj Sindikatoj dum siaj naciaj kongresoj akceptis unuanime la deziresprimon pri deviga instruado de Esperanto en ĉiuj francaj lernejoj ĉiugradaj. (Preciza teksto sekvos!)

L a M u r e (Isère). S-ro Caillet, prof. en la kolegio, gvidas kurson kun 30 lernantoj.

T u l l e. 18 liceanoj ricevis la ateston pri lernado. Instruis s-ro Soubranne, prof. en la kolegio.

T o u l o u s e. Kurso en la centra lernejo.

**5. Germanujo.**

G o h l i s ĉe Dresden. Esperanto kiel deviga instrufako en la popollernejo.

K o h l s c h e i d apud Aachen. En la ĉi tiea katolika pensiono por knaboj (Schulheim Bleyerheide), en kiu jam dum la pasintaj jaroj kelkaj libervolaj kursoj por knaboj okazis, de post Pasko 1932 komenciĝis deviga Esperanto-instruado por la 7-a kaj 8-a lernjaroj (40 lernantoj) de la interna lernejo kun 2 horoj posemajne. Instruisto estas fratulo Ansgar Marzahn, kiu laŭ instigo de la estraro de l' hejmlernejo 1929 akiris la Esp.-diplomon de la Germ. Esp.-Instituto. Por la Ĉe-metoda instruado estas uzata lernolibro de Degen. La lernantoj sopiras je korespondado!

K ö l n. Laborunuiĝo de E-istaj Instruistoj aranĝis kunvenon je 16. 6., al kiu lerneja administracio kaj gazetaro sendis reprezentantojn. Sekretariino, f-ino instruistino Mielau legis la laborraporton de l' unuiĝo. Korespondado ampleksis 475 pecojn. Lerneja konsilisto Theile salutis nome de lerneja sekciestro D-ro Linnartz kaj promesis energian subtenon de iliaj celoj. Li invitis i. a. al vizito de varbparolado en la gvidata de li instruista unuiĝo. — La gazetaro raportis detale.

M a g d e b u r g. Lernjaro 1931/32 finis per 6 kursoj kun 129 gelernantoj. Por 1932/33 anonciĝis ĉ. 150, sed nur 5 kursoj. Lernolibro de Streidt, poste Degen. Bedaŭrinde ne jam aperis la dua parto de Degen. Instruistoj Fr. Rockmann kaj Wottrich gvidas laborunuiĝojn de geinstruistoj. 70 kolegoj ricevis la ateston de urbolerneja konsilisto, ke ili rajtas instrui Esperanton.

P i r n a. 10. 5. nova kurso en supera komerclernejo kun 19 lernantoj, gvidas studkons. Glöckner. Li instruas ankaŭ private 6 knabinojn 11-jarajn.

W e i d e n a u (Rejnlando). Instruisto instruas depost Januaro kelkajn popollernejanojn de 1. klaso en Esperanto.

### 6. Italujo.

Brescia. En Majo finiĝis la kursoj en Instituto „Magistrale" kaj en Teknika Instituto. En la unua okazis ekzameno.

### 7. Nederlando.

Instruistaro. Inter la nederlandaj geinstruistoj ĉiam pli kreskas la simpatio por Esperanto. Kelkaj ligoj eĉ akceptis proponon favore al enkonduko de instruo de Esperanto en la lernejon. Laŭ iniciato de la Federacio de Laboristaj Esperantistoj kunvenis delegitoj de diversaj instruistaj ligoj kaj de la kvar nederlandaj Esp.-asocioj. Laborkomitato decidis rezolucion forsenditan je 9. 5. al la ministro por instruaferoj, artoj kaj sciencoj. En ĝi oni petas pliakceli, „ke per ŝanĝo en la leĝo Esperanto povu esti akceptata kiel fakultativa instrufako laŭ art. 2 de la Leĝo por la Unuagrada Instruado". La aldonitaj klarigoj estas senditaj en formo de broŝuro al ĉiuj membroj de la Parlamento.

En la ĝenerala kunveno de Nederlanda Gepatra Konsilantaro oni decidis, peti la registaron, ke Esperanto estu unu el la fremdaj lingvoj, instruotaj post la sesa lernjaro.

### 8. Norvegujo.

Oslo. D-ro Fischer faris 26. 4. provlecionon en la lernejo „Ila" por ĉ. 96 knaboj en la 8-a kaj 9-a klasoj. Ĉeestis kelkaj instruistoj. 9. 5. finiĝis la ĉi-semestra Esp.-kurso ĉe la senpaga instruado de la studentoj.

### 9. Sudslavujo.

Zagreb (Agram). La Centro de Studentaj Esperantistaj Organizaĵoj eldonas hektografitan „Bultenon". Adr.: Primorska 11.

### 10. Svedujo.

Burgsvik (sur Gotlando). 4 geinstruistoj kaj 17 infanoj lernas ĉe s-ro Hurler, Köln.

Hemse (sur Gotlando). 14 infanoj lernas ĉe s-ro Hurler.

## 2. Azio.

### 1. Ĉinujo.

Peiping (iama Peking). Post multjara stagnado nia movado antaŭ nelonge reviviĝis en ĉi tiu malnova ĉefurbo ĉina. En diversaj universitatoj kaj mezlernejoj malfermiĝis kursoj kun granda partoprenantaro. Sekve de tio regas nun inter la studentoj atmosfero esperantema. Ĉie oni povas aŭdi viglan interparolon kaj diskuton pri Esperanto. Ligo de Esperantistaj Studentoj estas projektata.

### 2. Japanujo.

Nagaŝima. En la Kihoku-reallernejo por knabinoj, kie oni instruas devige Esperanton jam de jaroj, knabinoj sukcese prezentadis la Esperantan teatraĵon „Cindrulino" kun ĝenerala laŭdo kaj bonega efiko al la loka propagando. 17. 4. Jozefo Major vizitis la lernejon kaj la postan tagon la komercan lernejon en Nagoja, por doni novan instigon al la lernado de Esperanto.

Tohoku. La Medicina Esperantista Klubo de Tohoku Imperia Universitato eldonas hektografitan „Bultenon".

Tokio. En la imperia universitato dum ĉiusemajna debata kunsido, konsistanta el studentoj-esperantistoj jam de siaj gimnaziaj jaroj, kreskas vera esperanta atmosfero, kiu ravas ne-esperantistojn.

Seoul. En medicina kolegio Prof. D-ro Ŝibata gvidas studentan rondon.

Uaseda. En la kurso de la universitato oni legas „Kion rakontas la amikoj de Peĉjo". La 12. 6. grupanoj faris ekskurson al Okotama, kiun partoprenis germana s-ano s-ro Maier.

La dua kolegio de Uaseda donis sankcion al la fondo de la Esperanto-Societo Studenta.

Universitato de Rinzai-Sekto Budaisma. Post la organizo de Japana Budaana Ligo Esperantista progresemaj

elementoj de la diversaj sektoj de budaismo multe interesiĝis pri nia lingvo; tiun movadon en Rinzai-Sekto iniciatis studentoj de la sekta universitato, okazigante kursojn en la universitato sub la gvido de s-ro Ŝibajama.

**3. Nederlanda Hindujo.**

Balikpapan (Borneo). Instruistino M. Swaab propagandas kaj instruas 17 personojn.

---

## Enketo pri internacia Esperanta korespondado.

La Delegito por Eksterlando de Itala Esperanto-movado estas kolektanta rezoluciojn utilajn por ĝenerala kulturo (sciencoj, historio, geografio, instrusistemoj, manlaboroj ktp.) akireblaj per korespondado esperantlingva inter gelernantoj de mezgradaj kaj superaj lernejoj el la

La rezultoj de l' enketo estos publikataj en la itala esperantista revuo „L'Esperanto" kaj sendotaj al ĉiuj interesiĝintoj pri la afero. La rezulto de l' enketo celas propagandi por Esperanto precipe ĉe altrangaj oficialaj instruistaj rondoj, montrante al neesperantistoj la grandan pedagogian valoron de l' internacia lingvo por ĉia kulturo.

Geinstruistoj de Esperanto bonvolu skribi pri siaj spertoj en interlerneja korespondado al la Delegito por Eksterlando de Itala Esperanto-movado, Esperanto Centro Itala, Milano, Galleria V. E. 92.

---

## Helpo al Universitato.

La Valencia Esperanta Grupo, Sangre II, Valencia (Hispanujo), provas helpi al la Valencia universitato parte bruldetruita en Majo 1932. Ĝi eldonis esperantlingve alvokon por akiri al la Naturhistoria Muzeo la nepre necesan kolekton da mineraloj, konkaĵoj kaj fosiliaj ekzempleroj, (objektoj, kiuj ne estas aĉeteblaj, sed nur riceveblaj per donaco de bonvolaj sciencamantoj).



## Framasonaro kaj Esperanto.

La Granda Loĝio de la Respubliko de Kolombio invitas la tutmondan framasonaron, adopti la internacian lingvon Esperanto, por interrilatoj inter la loĝioj de diversaj landoj.

La Granda Loĝio de la Respubliko de Kolombio (kun adreso en Bogotá, Kolombio, Apartado 1148),

konsiderante:

ke la adopto de internacia lingvo alportos efektivan utilecon por faciligi la interrilatojn inter Grandaj Loĝioj, Loĝioj kaj framasonoj tra la tuta mondo;

ke neniu el la naciaj lingvoj povus deŝe plenumi la rolon de internacia, ĉar komprenebIe ĵaluzo de popolo; tion malpermesus;

ke, eĉ se oni akceptus nacian lingvon, kiel internacian — kaj tio estas neebla — la problemo de facila interkompreno restus nesolvita, ĉar ĝia lernado daŭros tre longan tempon;

ke oni devas akcepti neŭtralan lingvon, kiu ne nur estas facila, riĉa kaj bela, sed estas uzita dum multaj jaroj kaj ne instigas ĵaluzon inter la popoloj;

decidas

Unue. — Inviti la tutmondan framasonaron, pere de ĝiaj Grandaj Loĝioj kaj ĵurnaloj, adopti kiel interkomunikilon, la internacian lingvon Esperanto.

Due. — Sendi kopion de tiu ĉi decido al la Esperanta ĵurnalaro en ĉiuj landoj.

Bogotá (Kolombio),
la 7-an de Marto 1932.

Marco Tulio Amorocho,
Granda Majstro.

Salvador E. Iregui,
Granda Kanceliero Sekretario.

## Internacia Konferenco de Minoritanoj.

**Kiuj interesiĝas?**

Post prelego okazigita dum la 1-a Internacia Lingva Konferenco en la Esperanto-Domo de la Cseh-Instituto, kelkaj ĉeestintoj je tiu prelego eldiris penson ke povus vere sukcesi Internacia Konferenco de Minoritanoj, kiu pridiskutus lingvajn, kulturajn, jurajn kaj aliajn problemojn ĉe minoritoj kaj popoloj renaskiĝantaj el subpremadoj kaj jugoj ĉiuspecaj.

Estus tre interesa efektive la okazigo de tia Konferenco, kiu havus ĉefe kulturan celon: solvon de kulturaj problemoj, kaj kiun ĉeestus esperantistaj minoritanoj montrantaj ke ili ne devas honti pro uzo de lingvo kies altrudon ili celas eviti, sed ke Esperanto praktike kaj juste solvas la interlingvan problemon.

La flandraj amikoj jam anoncis ke ili deziras kunlabori al tia Konferenco. — Kiuj aliaj interesiĝas? Bonvolu ne nur anonci vin pretaj, sed eldiru vian opinion pri programo kaj organizo al s-ro Delfí Dalmau, strato València 245, Barcelona (Katalunujo).

El Heroldo de Esperanto.

---

## Recenzoj.

Streĉita kordo, poemoj de K. Kalocsay. Eldonis Literatura Mondo, Budapest 1931. Paĝoj 196. Prezo ne indikata.

La libro enhavas la poemojn de Kalocsay ĝis 1925. Kiu volas ĝui lirikon en Esperanto, legu tiujn poemojn. Tio estas poezio: Oni sentas forton kaj entuziasmon, ebrion kaj ĉiajn dolĉecojn de plena koro vivanta kaj ruĝa.

La poemoj estas kunigitaj en kelkajn grupojn: La grupaj surskriboj konigas la abundon da sonoj, kiujn majstras la poeto. Memora kaj himna la „Eĥo de l' forta voko", balada „La enfalinta mino", plej pure lirika „Korprintempo". Oni ne priparolu plu, oni legu! R. W.

Vortaro Germana—Esperanta, de D-ro Emil Pfeffer. 3-a eldono, 11-a ĝis 13-a milo. Paĝoj 180. Prezo 1,20 germ. mark. Ricevebla de Tagblatt-Bibliothek, Wien I, Wollzeile 20.

Tiu vortaro enhavas pli ol 20 000 germanajn vortojn kaj 30 000 esperantajn tradukojn el la ordinara vivo kaj diversaj sciencoj. Certe laŭ amplekso tiu vortaro estas tre malmultekosta kaj pro tio tre rekomendinda. Ŝatinda aranĝo: sufiĉe da germanaj homonimoj, ankaŭ kunmetitaĵoj kaj parolturnoj. Forlasindaj estas multaj fremdvortoj, eĉ ne klarigitaj per noto: Kiu simpla esperantisto scias, kion signifas ekz. Exorzismus, kaustisch, Troglodyt?

Francisko Azorin, Universala Terminologio de la Arkitekturo (Arkeologio, Arto, Konstruo, Metio), kun 2000 desegnoj. Madrid 1932.

1-a kajero: Abako—Apofigo.

La verkon eldonas en unuopaj kajeroj la Hispana Esperanto-Asocio. Ĉiu termino per vortoj kaj bildoj estas klarigata, estas aldonataj la terminoj en siaj fontaj kaj ĉefaj eŭropaj lingvoj. Detala recenzo sekvos post apero de la plena verko.

Oficiala Dokumentaro Esperantista: Dudekdua Universala Kongreso de Esperanto (Oxford 2—9 Aŭgusto 1930). 1930, Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 1, Tour de l'Ile, Genève, Svislando.

Oficiala protokolo, statistiko kaj raportaro.

Voĉojn de l' batalanta socialismo mi nomu la sekvantajn aperaĵojn de klaskonsciaj eldonejoj proletaraj. La unuan rangon multe antaŭ la aliaj postulas kaj meritas la lasta verko de la rusa poeto Bezimenskij — la unua poeto de la rusa Komsomol-junularo kaj de la bolŝevika partio, do la prototipo de nunaj laboristoj-verkistoj en Sovetio:

Aleksandro Bezimenskij, Socialismo, poemo. Elrusigis N. V. Nekrasov. Eldonis Ekrelo Leipzig 1931, Löbauerstr.

35, Leipzig N. 24, Germanujo. Paĝoj 40, prezo 0,40 gmk.

Ni okcidenteŭropanoj en la poezio ne tro ŝatas la devizon: „Partiano mi estas unue — kaj nur post tio poet'." Laŭ la antaŭparolo Bezimenskij sekvas severe tiun devizon. La poemo Socialismo pruvas tion kaj eĉ kapablas ekskui nian juĝon — eble antaŭjuĝon malĝustan. Ĉar Bezimenskij entuziasmiĝas ankaŭ kritikemulon (kiu vere legis la antaŭparolon antaŭe!), oni legu nur la 5-an versaĵon kaj kunvivu la ritman marŝon de tekniko kaj ekonomio. Taktas el ĉiu linio — ankaŭ en aliaj versoj — sanga kaj celkonscia kaj necedigebla racio: Brilas la ideo kaj ĝia konstruo! 8 versaĵoj prikantas la socialismon. La unua donas la historion de tiu vorto: de ĝiaj unuaj utopiuloj, revuloj, ĝis ĝia vivigo per Lenin kaj Stalin. Ardo kaj fiero ekflamas pro la kvinjara plano, kiu vere vivigis tiujn misterajn naŭ literojn „S—o—c—i—a—l—i—s—m". Ankaŭ la poeto scias pri la malamikoj de tiu — sia — verko, tial li alvokas la junularon, li volas inciti, entuziasmigi al daŭriga laboro, gardi kaj novkonstrui. La libera, sed martelanta ritmo konvenas tiun celon. Agrable por multaj legantoj certe estas la komentaro (nature el vidpunkto de soveta marksano).

En la sama eldonejo „Ekrelo" aperis ankaŭ 1931:

Geo Milev, Septembro, poemo. El la bulgara lingvo kolektive tradukis SAMA. 29 paĝoj; prezo 0,20 gmk.

M. Ljubin, La Himno, novelaro. 36 paĝoj; prezo 0,35 gmk.

L. Ĉernov, Fervojstacio Znamenka. El ukraina lingvo tradukis I. Ĉernjaev. 15 paĝoj, prezo 0,15 gmk.

Temas pri ribelo aŭ travivaĵoj dum revolucio. Celo ankaŭ ĉi-tie estas: veki revolucian senton per memoro. „Septembro" priskribas bulgaran ribelon kun sekvanta progromo kaj finas per akuza demando al Dio kaj la devizo „For Dion". Rimarkinda estas bildigo de la proletara amaso per multnombra nomigo de profesioj, loĝejoj, kvalitoj, iloj, kiuj prezentas la „popolon". „La Himno" enhavas 8 novelojn, kiuj klarigu, kiel la intenseco de iu travivaĵo dependas precipe de la naturo de l' travivanto kaj precipe de l' humoro, en kiu li troviĝas tuj antaŭ la okazaĵo (paĝo 3). Tiu celo ne tre bone estas atingita. Ĉi-tie la vorto klasbatalo efikas grizteorie. „Fervojstacio Znamenka" enhavas rememoron de urba bolŝeviko pri la unuaj bataloj revoluciaj en malgrandurbo kaj vilaĝo. Interplektita estas la sopiro je sangoplena vivo eksterurba. Tiu kajero enhavas multajn preserarojn.

SAT eldonis 1930: Poemo de l' Plugisto, originale verkita de Ĥ. M. Ĥrima. Paĝoj 63, prezo 0,50 gmk.

Tiu kolekto de poemoj interne kunteniĝantaj prezentas la vivon de orfa kampara knabo: precipe lian vekigon al revolucio per ĉarma knabino, liajn migradojn, enkatenigojn, ribelojn. La tragikan finon: morto de l' amata knabino superas la voko: „Ĉar liberon amas plej la plebej, hej!"

Kontraŭe al Bezimenskij, ĉar dolĉa liriko, prezentiĝas en la novelo La Ruĝa Kaptuko de A. Holovko. Plugilano, Esperanto-Fako, Puŝkinska 46, Harkovo, USSR, 1931. Paĝoj 30, prezo ne indikata.

„Plugilano" estas kooperativa eldonverkistoj kaj celas, konatigi la verkaron de modernaj sovet-ukrainiaj verkistoj. Holovko estas juna, sed jam fama verkisto el kampara familio. La novelo prezentas lirikan idilion en la stepo, ĉarme skizitan, sed jam tremas en ĝi la revolucia sento kontraŭ la kozakoj. Bedaŭrinda fakto estas, ke Plugilano uzas la kritikindajn formojn anke, ankore, kontr, un, ant, el kiuj elkreskas jenaj formoj: ĉirkanto, kontrstaro!

Finu tiun liston du broŝuroj.

La „Arbeiter-Esperanto-Bund für die deutschen Sprachgebiete", Berlin C 25,

Dirksenstr. 42, eldonis german-lingvan kajereton „Was wir in Sowjet-Rußland erlebten“. (Kion ni travivis en soveta Rusujo.) 16 paĝoj, prezo 0,10 gmk. Himno de 4 berlinaj laboristaj esperantistoj, kiuj estis gastoj en la „hejmo de la liberigitaj laboristoj kaj kamparanoj.“

La „Sennaciista Frakcio“ (el membroj de Sennacieca Asocio Tutmonda) Nov-Jorko 1931 eldonis „Manifesto de la Sennaciistoj, 31 paĝoj, prezo 1 respond-kupono, havebla de L. G. Avid, 19 bis, rue J. B. Baudin, Villejuif (Seine), Francujo.

Malmultaj, sed gravaj paĝoj, certe instigo al novaj debatoj. La aŭtoroj diferenciĝas inter internaciismo kaj sennaciismo. Laŭ ili internaciismo estas sistemo, kiu celas starigi juran aranĝon inter la nacioj por eviti konfliktojn kaj militojn, sed neniel pretendas forigi la naciajn apartaĵojn, kiujn konsistigas lingvoj, moroj, tradicioj k. s. (paĝo 9). Fakto estas — kaj oni pruvas tion — ke multaj, plej aŭtoritataj homoj el la laborista movado ŝatas kaj admiras sian nacian kulturon kaj predikas por ĝia ĉiamigo (13) — Lenin kiel kontraŭulo de Esperanto —! Sennaciistoj bedaŭras tion kaj deklaras reakcia tiun opinion. Interalie ili klariĝas la neproletaran karakteron de kelkaj liberigaj movadoj naciaj. Aludata estas en tiuj pripensoj eĉ la ebleco, ke povos kreiĝi en Sovetio ia danĝera patriotismo. (21). R. W.

Frazaro por la vojaĝanto, en Esperanto kaj itala lingvo, estas eldonata de La Nacia Instituto „Postlaboro“ (L' Opera Nazionale Dopolavoro) en Italujo. Petu ekzemplerojn de ĉi tiu frazaro de Dopolavoro Ferroviario, Via Sacchi 20 bis — Torino (Italujo).

Evangelio de belismo, Japanujo. Okamoto-Rikici eldonis la 6-an volumon: Evangelio de sinkompletigo.

Hispana Esperanto-Gazeto, Madrid, januara numero 1932, enhavas alvokon al ekspozicio el manlaboritaĵoj de infanoj en la lernejoj.

La revuo orienta, organo de la Japana Esperanto-Instituto, Tokio, 1932, n-ro 1.

The British Esperantist, 142, High Holborn, London, W. C. 1, enhavas en la januara kajero 1932 interesan artikolon pri la biblioteko de B. E. A.

Julio Baghy, Publika letero pri la reorganizado. Memorando al la Esperantistaro kaj al ĝiaj gvidantoj. Eldono de Hungarlanda Esperanto-Societo, Budapest, VII, Dohany-u. 76. Prezo: 1 poŝta respondkupono. Paĝoj 23.

La Lumo Orienta, kvaronjara organo de Japana Budhana Ligo Esperantista, Kioto, forsendis la unuan kajeron bonaspektan. Ĝi celas internacian diskonigon de Budhismo per Esperanto kaj disvastigon de Esperanto en budhanan kampon. Laŭ la enhavo de la unua numero tiu organo povas plenumi gravan rolon diskonigi valoran kulturon orientan. Komenciĝas ankaŭ Vortaro de Budhismaj terminoj.

La socialisto, organo de Aŭstria Laborista Ligo Esperantista kaj de Socialista Esperanto-Asocio (Germanio) aperas en nova formo pligrandigita. La unua n-ro 1932 enhavas valoran artikolon de D-ro Max Adler pri „Kreanta Socialismo“ kaj bonan „Rigardon al la Alĝeria Situacio“.

Internacia Gazetara Servo, informilo de la Internacia Gazetara Komisiono, komisiita de I. C. K., 1-a jaro. N-ro 2, November-December 1931, enhavas faktoj pri la progreso de Esperanto.

Bulteno de la internacia labor-oficejo, Oktobro 1931, Ĝenevo. Pripensinda estas la listo de „La rekomendoj alprenitaj de la ĝisnunaj laborkonferencoj. Oni ne forgesu, ke rekomendo n-ro 14 traktas (1921!) pri „Nokta laboro de infanoj kaj gejunuloj en agrikulturo.“

**Propagandiloj por Esperanto.**

Altvaloraj kaj ĉiam propagandaj estas la esperantlingvaj prospektoj aŭ informiloj de trafik-unuiĝoj. Tion pruvas informilo pri Weimar, eldonita de „Verkehrsverein Weimar“ kune kun UEA okaze de la Goethe-memorjaro 1932. Belaspekta, klara, enhavriĉa.

---

# Ĉefkunveno de la Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj

**okaze de la XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto en Paris (30. 7.—6. 8. 32).**

La 31-an de Julio, je la deka horo, la vasta amfiteatro de la Sorbonne-Universitato en Paris estis plenplene okupata per multkolora multego da homoj el ĉiuj partoj de la mondo. Sur granda estrado oni vidis inter aliaj ministrojn, ŝtatajn kaj urbajn oficistojn, la reprezentanton de la franca ŝtatestro Albert Lebrun, la diplomatojn de diversaj registaroj kaj la reprezentantojn de multaj naciaj Esperanto-asocioj. Malantaŭ tiu tablo de eminentuloj la flagoj kaj standardoj de ĉiuj nacioj, partoprenantaj la kongreson, dekoraciis la muron. La tuta aranĝo — impona impreso.

Je la fiksita horo orkestro de 50 soldatoj ludis la „Marseillaise“, aŭskultata de la ĉeestantaro staranta, kaj sinjoro André Baudet, eksprezidanto de la Parisa Komerca Ĉambro, per solena mallonga parolado malfermis la gravan internacian kongreson, kiun partoprenis 1600 reprezentantoj el 36 landoj. Sekvis salutvortoj de la Internacia Laboroficejo en Ĝenevo kaj de multaj registaroj en esperanta aŭ franca lingvoj. Plejgrandan aplaŭdon rikoltis la registara delegito de Brazilio, kiu parolis siajn salutvortojn en bona Esperanto, deklarante ke antaŭ 2 horoj li ne sciis eĉ unu vorton de nia internacia lingvo. Reprezentantoj de 26 naciaj Esperanto-asocioj raportis pri bonaj kaj ĝojigaj progresoj de nia movado. Prof. Schmalzl, en la nomo de la germanaj Esperantistoj, kore invitis por la venontjara kongreso en Köln.

Post du horoj finiĝis tiu solena malfermkunsido, de kiu certe ĉiu partoprenanto kunprenis novajn fortojn por venonta laboro kaj la konscion, ke tiu laboro ne estos vana.

La kongresa semajno estis preskaŭ tro mallonga por okazigi la nombregon da necesaj kunvenoj: Estrarkunsidoj, kunsidoj de la Akademio kaj Lingva Komitato, de la Somera Universitato, de I. C. K., de L. K. K., de K. R., de U. E. A., la ĝeneralaj Laborkunsidoj kaj la amaso de diversaj Fakkunsidoj. En la belegaj ĉambroj kaj salonoj de la kongresejo, speciale taŭga por aranĝaĵoj kiel la niaj, ĉiam regis tre agema vivo. Oni laboris fervore de matene ĝis vespere, nur merkredo restis libera port tuttaga ekskurso al „Fontainebleau“.

Bedaŭrinda afero estis, ke ofte plurai gravaj kunsidoj aŭ aliaj aranĝaĵoj devis okazi samtempe kaj ke oni estis devigata rezigni al interesaj vizitoj de vidindaĵoj. Ekzemple ni instruistoj ne povis partopreni la viziton de la mondfama „Institut Pasteur“, kie Prof. „Calmette“ alparolis la Esperantistojn. Multaj gekolegoj kaj ankaŭ amikoj de la lernejo urĝe petis pro prokrasto de nia TAGE-ĉefkunveno, kio tamen ne estis ebla. Parto el ili do preferis la viziton de Institut Pasteur.

Malgraŭ tiu malhelpaĵo la

**Ĉefkunveno de la Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj,**

kiu okazis ĵaŭdon, la 4-an de Aŭgusto je la tria horo posttagmeze, estis ankoraŭ vizitata de pli ol 70 reprezentantoj el 14 nacioj. Kolego Hahn, lernejestro en Gohlis-Dresden, malfermis kaj estris nian fakkunsidon, kiu staris sub la devizo: „Esperanto venkos per la lernejoj!“ Post salutaj vortoj de diversaj landoj la honorprezidanto de la kongreso, s-ro André Baudet, raportis pri „La instruado de Esperanto ĉe la lernejoj de la Komerca

Ĉambro de Paris". Li montris la progresojn de Esperanto sur tiu ĉi laborkampo. En la jaro 1921 la Komerca Ĉambro de Paris decidis enkonduki la nedevigan instruadon de Esperanto en siajn komerclernejojn. Dum la unua jaro 101 gelernantoj el 3 komerclernejoj de Paris partoprenis tiun instruadon. En 1931 la respektivaj nombroj estis 316 gelernantoj kaj 5 lernejoj. Dum la du lastaj jaroj oni metis je la dispono de la Komerca Ĉambro sumojn de 8000 kaj 4000 frankoj destinitaj por rekompenci la plej bonajn lernantojn de Esperanto. La disdono de la premioj okazigis du konkursojn. La unua konkurso serĉis la plej bonan lernanton el ĉiu lernejo kaj estis dotita de po unu premio da 500 frankoj por ĉiu lernejo. La duan konkurson partoprenis la du plej bonaj lernantoj de ĉiu lernejo kaj oni disdonis du gravajn premiojn de 3000 kaj 1500 frankoj. La unua konkurso kunigis 280 kandidatojn. — Sekvis referato de kolego H a h n, „El la praktiko por la praktiko", en kiu li parolis pri siaj multjaraj spertoj rilate al la Esperanto-instruado en la lernejo. En dua raporto kolego H a h n klarigis la situacion de TAGE. Li insiste varbis por la fortigo de nia movado per fondo de landaj geinstruistaj asocioj aligotaj al TAGE. Tiamaniere ni plibonigos samtempe la situacion de nia bonega fakgazeto I. P. R., kiu jam de post jaroj havas altan pedagogian kaj sciencan nivelon. I. P. R. donas spiriton kaj vivon al T A G E, kiu ne povas ekzisti sen tiu grava organo. Post tio kolego H a h n parolis pri „Kunlaborado" kaj montris la fadenojn interligitajn inter la Esperanto-instituto por la Germana Respubliko (Prof. Dr. Dietterle, Leipzig) kaj la Instituto Jean Jaques Rousseau (Prof. Dr. Bovet, Ĝenevo) kaj I A L A (International Auxiliaray Language Association) kies honorsekretariino, s-ino M o r r i s New-York, havas grandajn meritojn rilate al la mondlingva movado. Je la fino de sia referato la parolanto akcentis, ke Esperanto nur venkos per la lernejoj. Pro tio, aliĝi al T A G E, estas nepra devo de ĉiu Esperanto-instruisto. Sed ankaŭ la amikoj de la lernejoj kaj de la Esperanto-infanoj abonu nian valoran gazeton I. P. R. kaj kunlaboru sendante interesajn artikolojn.

Fraŭlino M o e l k e, la sekretariino de I A L A, aldonis la lastajn statistikajn ciferojn, 7021 Esp.-instr. el 62 landoj, kaj petis denove la helpon de la gekolegoj ĉiulandaj por siaj estontaj laboroj.

S-ro S c o t t, Anglujo, kritikis tuj la statistikojn de fraŭlino Moelke pro la fakto, ke ili entenas la lernejojn, en kiuj oni instruis Esperanton sed ne plu instruas. Li postulis novan tute klaran statistikon pri la nuna stato de la Esperanto-instruado en la mondo, dirante ke en Anglujo oni nur povas propagandi per estantaj, ne estintaj faktoj.

La referaton de D-ro Adolph F e r r i è r e pri „Aktiva lernejo kaj aktivaj metodoj" oni publikigas en I. P. R., ĉar la referanto estis malhelpata viziti la kongreson.

S-ro de M a s s y rakontis pri sia Esperanto-instruado en la franca armeo, fraŭlino H o g g pri sia internacia infan-korespondado, kaj kolego el P r a h a varbis por ĉiama infaninterŝanĝo inter la diversaj landoj. La sekretario s-ro D e s p e y r o u x raportis pri la fondo de la unua franca grupo de esperantistaj instruistoj kaj transdonis korajn salutojn.

La lasta punkto de la tagordo enhavis la elektojn. Sen debato oni reelektis por la venonta jaro nian ĝisnunan ŝatatan prezidanton s-ron R o o m e, Sheffield, Anglujo. Ankaŭ la nuna „Laborkomitato por T A G E", sub la gvidado de la sekretario G o l d b e r g, estis petata daŭrigi la administrajn laborojn por T A G E kaj I. P. R.

Post tiuj elektoj la ĉeestantaro decidis unuanime sendi dankleterojn al la nelacigebla sekretario de T A G E Goldberg, Leipzig; al la redaktoro de I. P. R. D-ro R i e d e l, Dresden; al la administranto de I. P. R. H o f m a n n, Riesa; al la

honorsekretariino de IALA s-ino Morris, al la profesoroj D-ro Dietterle kaj D-ro Bovet.

Je la fino de la kunsido, D-ro Doehler, Riesa, treege petis la partoprenantojn, konvinkitajn pri la neceseco de forta tutmonda instruista organizaĵo, tuj aliĝi al TAGE. La sukceso: 16 novaj membroj enskribis sin por TAGE kaj abonis nian gazeton I. P. R.

Kaj nun, gekolegoj ĉiulandaj, ne laciĝu, laboru ankaŭ vi je la plifortigo de nia movado, varbu novajn membrojn por TAGE!

**Esperanto venkos per la lernejo!**

Karl Ritter, Riesa.

---

## El la leterkesto redakteja.

Tre estimata s-ro doktoro!

Kolego Petro Pichon certe diris en sia artikolo „Por IPR mi deziras . . .“ tion, kion multaj kolegoj pensis jam delonge. Ankaŭ mi permesas al mi, esprimi deziron. IPR bonvolu precipe konsideri la Esperanto-instruadon kaj doni valorajn konsilojn al la gekolegoj instruantaj nian lingvon. Okaze mi legis en „Heroldo“ artikolon: „Sole ebla venko: enkonduki Esperanton en la lernejojn!“ Tiaj kaj similaj artikoloj aperu tre ofte en IPR! Parto de l' taskoj, kiujn IPR prenis sur sin, estu eduki lertajn kaj taŭgajn Esp.-instruistojn. Ĉu mi postulis tro multe?

Kun samideana saluto

Felix Primetzhofen.

---

## Donacoj por IPR.

S-ro T. J. Guéritte, Surbiton, Britujo: 1 USA-dol. por 1932.

Sveda Instruista Esperanto-Federacio pagis 9 abonojn por subteni IPR-on dum 1932.

Saksa Instruista Esperanto-Asocio: 50 gmk. por la jaro 1931.

Germana Instruista Esperanto-Asocio: 50 gmk. por la jaro 1931.

Leipzig-a Instruista Esperanto-grupo: 25 gmk. por la jaro 1931; la grupo decidis, ankaŭ por la kuranta jaro denove pagi 25 gmk.

Ni kvitancas kun kora danko!

---

La 1-an de Majo 1932 mortis nia kolego

# Pierre Pichon

### Champtoceaux, Francujo

Ni perdas ne nur ŝatatan kolegon kaj amikon, sed ankaŭ bonan kaj diligentan reprezentanton. Dum la pasinta jaro li dediĉis malgraŭ grava malsano ĉiujn siajn fortojn al nia asocio kaj al nia gazeto. Nia franca membraro kreskis dum unu jaro de 11 ĝis 32. En IPR li aperigis kelkajn artikolojn, enhavantaj gravajn proponojn. La lasta letero, kiun li skribis, temis pri Esperanto kaj nia asocio. Kruela sorto nun forrabis nian junan, fervoran kaj entuziasman kunbatalinton. Ni ŝuldas al li grandan dankon. Li restos en nia memoro por ĉiam.

Laborkomitato por TAGE kaj IPR
Kurt Hofmann, adm.

---

**Venonta numero aperos finon de novembro**

el 11jaro N-ro 6 Nov/Dec 1932

**Konservu ĉi tiun folion,**
**kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!**

Aldono al IPR. (Internacia Pedag. Revuo)

# Korespondo-Oficejo, Listo 15.

# A

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

NB. Estas necese, skribi tre legeble kaj per latinaj literoj.

Al 2. nesufiĉas la vorto „instruisto"; estas dezirinde, ke ĉiu tre klare diru, en kia-grada lernejo li instruas.
Al 3. La mencio de l' aĝo ŝajnas rekomendinda pro diversaj kaŭzoj.
Al 4. Ekzistas tre diversaj manieroj, sciigi pri adreso. Ni nepre devas uzi la saman manieron por eviti konfuzojn. Do, ĉiuj estas petataj doni sian adreson laŭ la proponita maniero.

La demandsigno (?) montras, ke pli detala informo laŭ la skemo estas dezirinda.

**N-ro 192.**
1. Celia Siegenthaler 2. ? 3. ? 4 b) Marcos Juarez c) T. C. C. H. d) Argentino 5. gesamideanoj el Egiptujo 6. iu ajn temo.

**N-ro 193.**
1. Norma Siegenthaler 2. ? 3. ? 4. b) Marcos Juarez c) T. C. C. H. d) Argentino 5. gesamideanoj el Maroko 6. iu ajn temo.

**N-ro 194.**
1. Willy Zimmer 2. popollerneja instruisto 3 28-jara 4. a) N-ro 49 b) Reifland c) Pockau-Flöhatal (Land) d) Germanujo 5. ĉiulandaj gesamideanoj 6. iu ajn temo 7. korespondas ankaŭ france, ĉeke kaj germane; interŝanĝas il. pk. kaj pm.

**N-ro 195.**
1. Georg Peter 2. instruisto (unuklasa popollernejo) 3. 26-jara 4. b) Bernsburg bei Ruhlkirchen c) Bez. Alsfeld (Hessen) d) Germanujo 5. tutmondaj gekolegoj kaj gelernantoj 6. diversaj temoj.

**N-ro 196.**

1. Ethel E. Domm 2. instruistino 3. ? 4. a) 4133 Reservoir Bld. Route 8, Box 208, Columbia Heights Station b) Minneapolis c) Minnesota d) Usono 5. ĉiulandaj gesamideanoj, ankaŭ gelernantoj 6. iu ajn temo, precipe floroj 7. interŝanĝas pejzaĝarajn poŝtkartojn.

**N-ro 197.**

1. Demetrio Viktorov-Ĉeñoviĉ 2. Esperanto-lektoro, kursgvidanto 3. 44-jara 4. a) Klovski Spusk 2 b) Kiev d) Rusujo 5. ĉiuj landoj 6. ĉiuj temoj 7. deziras ricevadi diversajn aĵojn por siaj gekursanoj (instruistoj, gelernantoj kaj diversprofesiuloj), sendas „sovetaĵojn" kaj „ukrainaĵojn".

**N-ro 198.**

1. Henry Isner 2. popollerneja instruisto 3. 39-jara 4. b) Hällevik d) Svedujo 5. ĉiulandaj gekolegoj 6. geografio. esperanta instruado, lando kaj popolo, religio k. a. temoj 7. interŝanĝas il. poŝtkartojn, gazetojn, gvidlibrojn kaj diversaĵojn karakterizajn por via lando. Rekompencas laŭdezire.

**N-ro 199.**

1. Nelly Siegenthaler 2. instruistino? 3. 20-jara 4. b) General Roca c) F. C. C. A. d) Argentino 5. samideano el Havajo 6. iu ajn temo.

**N-ro 200.**

1. Marcelle Bravey 2. popollerneja instruisto 3. ? 4. b) Vanosc c) Ardèche d) Francujo 5. ĉiuj koleginoj en la mondo 6. metodoj kaj edukrimedoj de infanĝardena edukado, vivkondiĉoj de la laboristinoj kaj instruistinoj. Skribos ankaŭ franclingve.

**N-ro 201.**

1. D. Henry 2. popollerneja instruisto 3. 24-jara 4. b) La Rouchouze, par Langeais c) Indre-et-Loire d) Francujo 5. portugala lernejo (por si kaj siaj gelernantoj) 6. klerigo kaj edukado en la eksterlandaj lernejoj, infanvivo, lerneja vivo.

**N-ro 202.**

1. J. Allouis 2. popollerneja instruisto 3. ? 4. b) Le Puiset, par Janville c) Eure-et-Loire d) Francujo 5. germanaj gekolegoj, germanlingve, franclingve, esperante 6. infana kaj lerneja vivo (pri 8—13-jaraj gelernantoj).

# B

1. Lando kaj loko de la lernejo?
2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi?
4. Aĝo de la lernant(in)oj?
5. Ili deziras korespondi kun?
6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto", kiu aranĝos la korespondado-aferon?

NB. Al 2 estas nepre necese diri, kiu estas la grado de la koncerna lernejo, ĉar la korespondado funkcios nur inter iom egalinstruitaj lernantoj.
Al 3. Nepre necese!
Al 4. Vidu al 2.!
Al 5. Kie la lernantoj ne elektas korespondantojn el speciala lando, oni simple diru „kun ĉiuj landoj".
Al 6. Verŝajne specialaj deziroj estos konstateblaj nur dum la korespondado mem.

**N-ro 144.**

**Germanujo.** 1. Riesa (Saksujo) 2. popollernantoj (anoj de la infangrupo de LEA Riesa) 3. 20 gelernantoj 4. 12—13-jaraj 5. ĉiuj eksterlandanoj 6. diversaj temoj (interŝanĝo de il. p., leteroj, gazetoj, pm.) 7. instruisto Bernhard Mosebach, Kirchstr. 13, I, Riesa-Gröba i. Sa.

**N-ro 145.**

**Germanujo.** 1. Hattingen (Ruhr) 2. popollernantoj 3. 8 knaboj kaj 11 knabinoj 4. 9—14-jaraj 5. tutmondaj gelernantoj 6. iu ajn temo 7. s-ro Wilh. Menzel, Rathenaustr. 49, Welper-Hüttenau bei Hattingen (Ruhr).

**N-ro 146.**

**Germanujo.** 1. Burladingen (Hohenzollern) 2. gimnazio 3. 1 studento 4. 18-jara 5. iu alilandano, precipe Japano, Hindo aŭ Ĉino 6. historio, arto, literaturo 7. Josef Schülzle, Wasen 37, Burladingen (Hohenzollern).

**N-ro 147.**

**Germanujo.** 1. Kleinkagen (Meissen-Land) 2. popollernejo 3. 4 knaboj kaj 5 knabinoj 4. 11-jaraj 5. nordaj landoj, Holando kaj Japanujo 6. iu ajn temo; interŝanĝas il. pk. 7. instruisto Max Pruss, Kleinkagen, Meissen-Land (Saksujo).

**N-ro 148.**

**Aŭstrujo.** 1. Villach 3. 1 lernanto 4. 14-jara 5. tutmondaj gelernantoj, precipe ĉinaj kaj japanaj 6. iu ajn temo 7. Willibald Bucher, Baufondsiedlung 185, Warmbad-Villach.

**N-ro 149.**

**Germanujo.** 1. Halle-Saale 2. popollernejo 3. 26 lernantinoj 4. 12-jaraj 5. ĉiuj landoj 6. diversaj temoj 7. rektorino Hedwig Weddy, Talamtstr. 2, Halle-Saale.

**N-ro 150.**

**Germanujo.** 1. Potsdam 2. popollernejo 3. 4 knaboj kaj 11 knabinoj (komencantoj) 4. 13-jaraj 5. eksterlandaj gelernantoj, prefere svedaj kaj usonaj 6. lernejo, vivo ktp. 7. lernejestro Adolf Wisanowsky, Am Brunnen 19, Potsdam.

**N-ro 151.**

**Anglujo.** 1. Mansfield 2. ? 3. ? geknaboj 4. 14—16-jaraj 5. eksterlandaj gelernantoj 6. iu ajn temo 7. instruistino L. Ward, Senior School, Pleasley Hill, Mansfield.

**N-ro 152.**

Sveduio. 1. Hällevik 2. popollernejo 3. 4 knaboj. 21 knabinoj 4. 13—14-jaraj 5. ĉiuj landoj 6. ĉio interesa, interŝanĝas il. p. 7. instruisto Henry Ysner, Hällevik.

**N-ro 153.**

Svisujo. 1. Genève 2. infanaj kursgelernantoj 3. ? 4. 13—15-jaraj 5. ĉefe Jugoslavujo, Rumanujo, Svedujo, Norvegujo, Azio, Ameriko 6. deziras komence ŝanĝi il. poŝtkartojn 7. s-ino Henriette Ith, Servette 79, Genève.

# C

Skemo ne povas esti starigata, ĉar la deziroj estos tre diversaj. En ĉi tiu rubriko oni anoncu siajn dezirojn, ordigante la sciigojn laŭeble same kiel en skemo A aŭ B.

**N-ro 20—24.**

1. Harold Domm 2. oficisto 3. 32-jara 4. a) 4133 Reservoir Blvd. Route 8, Box 208, Columbia Heights Station b) Minneapolis c) Minnesota d) Usono (ĉi tiu adreso valoras ankaŭ por la numeroj 21—24) 5. ĉiuj landoj, precipe Germanujo 6. iu ajn temo 7. interŝanĝas pejzaĝarajn poŝtkartojn.

1. Harold Betts 2. studanto 3. 24-jara 5. ĉiulandanoj, precipe germanoj 6. muziko, drama arto, lernado kaj ĉiutaga infanvivo.

1. Rollin Betts 2. studanto 3. 18-jara 5. ĉiulandanoj 6. sporto, maŝinaro, (precipe aŭtomobiloj kaj aerŝipo), ĉiutaga infanvivo.

1. Eloine Betts 2. lernantino 3. 20-jara 5. ĉiulandanoj 6. muziko, drama arto, infanoj.

1. Dortha Betts 2. lernantino 3. 16-jara 5. ĉiulandanoj 6. muziko, drama arto, ornamarto, lernado de infanoj.

Pri ĉio, kio rilatas la Korespondo-Oficejon, turnu vin nur al:
D-ro Dietterle, Leipzig W. 31, Seumestr. 10,
aŭ sub ties adreso al: F-ino M. Moelke.

---

Personoj, kiuj ne povas aboni IPR-n kaj deziras regule havigi al si la listojn de nia Korespondo-Oficejo, bonvolu anonci sin rekte ĉe la sekretariino de „Kunlaborado" (f-ino Moelke, Stindestrasse 12, Berlin-Steglitz, Germanujo). La anoncoj por la listoj estas senpagaj. Sed por neabonantoj de IPR estas necese, ke ili pagu 1 germanan markon por 1 jaro pro la sendkostoj.

---

**Se vi ankoraŭ bezonas la antaŭajn listojn, bonvolu ilin mendi. Sendu al ni adresojn de interesatoj el la kolegaro, al kiuj ni povas sendi la listojn!**

## Universala Esperanto-Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia gento aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj:* Krom ĉio la gazeton „Esperanto", internacia ĉeforganò de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el la Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto „Esperanto".

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

**Universala Esperanto-Asocio**
**1 Tour de l'Ile, Genève (Svislando)**

## Atentu!

**Ni bezonas la numerojn 4 kaj 5 de „Novaj Tempoj" el la jaro 1922. Kiu posedas ilin, estas insiste petata, sendi ilin al la administracio de IPR. Post la kopiado ni resendas la materialon, se estas dezirate.**

**Gekolegoj,**
sendu adresojn
de varbendaj geinstruistoj
al la administranto!

## Premioj por varbado!

**Por ĉiu NOVE VARBITA abonanto de IPR vi ricevos 1/4 de la sendita abonkotizo en la jaro, kiu sekvas al la abonjaro.**

**Ekzemple, se vi varbas 2 NOVAJN abonantojn por 1932 kaj sendis la abonkotizojn kun la koncerna informo al la administranto de IPR, vi havos krediton de ½ dolaro (½ abonkotizo) ĉe IPR por 1933.**

**Kiu varbas kvar NOVAJN abonantojn por 1932, ricevos senpagan jarkolekton 1933 de IPR.**

**Do ni konkuru en intensa varbado!**

**PROPRA PROFITO! — PROGRESIGO DE L' MOVADO!**

### Korespondo-Oficejo!

Sekve de la ferioj mi dum Julio kaj Aŭgusto ricevis nur malmultajn anoncojn. Do, ne estis eble, starigi tutan „Aldonon". Mi petas ĉiujn interesulojn, ke ili paciencu ĝis la venonta numero de IPR. Koran saluton.

Marta Moelke.

## Varbu anoncojn por IPR!

Por viaj klopodoj vi ricevos procentojn!
Postulu la tarifon de la administranto!

**Kiu tuj sendas sian abonon, helpas al plua kresko de IPR!**

**Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.**